*Senkultura homo estas sklava besto (Cicero)* ISSN 0299-6987

# LA GAZETO

## ENHAVO





Voĉdonado por OSIEK-premio '99 en Metz la 23an de julio. Favoratoj: William AULD, Gerrit BERVELING, Trevor STEELE, Eli URBANOVÁ, XIE Yuming

numero 83 5a de la 14a jaro 15jun99

# PRI LA GAZETO

Karaj Legantoj,

Mezkajere kompleta listo de proponoj por OSIEK-premio atentigas pri valoraj verkaĵoj eble ne ĉiuj konataj de vi. El 99 proponoj ricevitaj, 57 procentoj de la validaj iras al 5 esperantistoj, la fina roto konsistas en tri tradukoj kaj du originalaj verkoj aŭtobiografiaj.

Dankon al nova kunlaboranto Gérard PATUREAUX kiu koncize enkondukas nin en psikanalizon kaj reliefigas la kielojn kaj kialojn de la kontraŭstaroj al la jarcenta freŭdisma teorio.

Nur kiam vi havos sufiĉan liberan tempon, legu, relegu kaj meditu la riĉan eseon de UNAMUNO: tiu granda hispano, filozofo kaj poeto, eseisto kaj romanisto, pasie serĉis la sencon de la vivo kaj arde pripensis ĉiujn problemojn de sia epoko.

Jen do kajero enhave tre densa – eĉ ne plu estis loko por enŝovi novan rakonton de Salvador Gumá. Sed vi ja disponos pli ol tri monatojn por ĝin digesti... ankaŭ por reaboni: la venonta numero, en oktobro, estos la lasta por multaj el vi, anticipa reabono simpligas la vivon de *LG*-rondo.

Dankon pro viaj kuraĝigaj leteroj, viaj utilaj sugestoj, viaj donacoj al la abonhelpa fonduso, via fideleco.

*Madeleine de ZILAH*


PRI STILO KAJ ENHAVO
DE SUBSKRIBITAJ ARTIKOLOJ
LA GAZETO NE RESPONDECAS

•**E**ldonanto kaj redakta rondo: Esperanto-Klubo de Metz •**R**edaktejo:
*La Gazeto FR-55210 CREUË*
•**R**edaktoro: Eugène de ZILAH •**K**unredaktistoj: K JAKOBO, Madeleine de ZILAH •**Ret**kunlaboranto: Bruno MASALA
*lagazeto@osiek.org*
•**P**retigis ĉi tiun numeron: Frédéric kaj Mégumi SACHS-Komamura, Peter WASSERMANN, Edgar de ZILAH •**A**bonprezo: 25 eŭroj por 6 numeroj, aere 28 eŭr. Vi povas komenci la abonon kiam ajn. Se vi ne povas poŝte ĝiri aŭ sendi poŝtmandaton bv skribi al la redaktejo; ni klarigos kiel aboni el via lando. LG ne aperas en julaŭgsep •**A**noncoj: 1/4 da paĝo, 28 eŭr. •**R**ecenzoj: bv sendi 2 ekzemplerojn de la recenzenda libro al la redaktejo.

•TTT-adreso: http://osiek.org/lagazeto

LA VENONTA NUMERO APEROS JE
**20okt1999**

Por aboni, sendu **25 eŭrojn** (160 francajn frankojn) al **LA GAZETO, FR-55210 CREUË, Francio**
**poŝtkonto : 1025 02 T NANCY**
**ekster Eŭropo:** bonvolu aldoni **3 eŭrojn** (20 FF), dankon


## ABONPREZOJ KAJ PERANTARO

**Aŭstrio**: 350 ŝilingoj. d-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, 8020 Graz - Poŝtkonto: Graz 1257 845. **Aŭstralio**: 60 $ Tom ELLIOTT, PO Box 230, Matraville, NSW 2036. **Belgio, Luksemburgio**: 1050 frankoj. FLANDRA ESPERANTO-LIGO, Frankrijklei 140, 2000 Antwerpen - Ĝirkonto: 000-0265338-43 Vlaamse Esperantobond. **Brazilo**: 35 US$. BRAZILA ESPERANTO-LIGO, CP 3644, Brasilia/DF 70084. **Britio**: 18,5 pundoj. Olga KERZIOUK, 61 Point Royal, Bracknell RG12 7HL. **Ĉeĥio:** 550 kronoj. Vladislav HASALA, A. Dvoráka 1, Strážnice 696 62. **Danio**: 200 kronoj. Pierre GABORIT, Brombaervaenget 15, 2650 Hvidovre - Poŝtkonto: 612 87 50. **Finnlando**: 153 markoj. **Francio**: 160 frankoj. LA GAZETO, 55210 Creuë - Poŝtkonto: 1025 02 T Nancy. **Germanio**: 56 markoj. ESPERANTO-CENTRO, Rheinstrasse 9, 12159 Berlin - Poŝtkonto: Hannover 259658-301. **Grekio**: 9000 draĥmoj. Polyxeni ZARKADA, Placo Pavlou Kountouriotou 7/8, 11741 Athina. **Hispanio**: 4500 pesetoj. Luis SERRANO PEREZ, Font Nova 32, 08202 Sabadell. **Hungario**: 2600 forintoj. Pál KOZSUCH, Csabai u 11, 5553 Kondoros. **Italio**: 50000 liroj. Enrico MINGO, via Simone Martini 22, Isolato 19, 80128 Napoli - Poŝtkonto: 10125805. **Japanio**: 4100 enoj. Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, 162 **Kanado**: 54 $. David MOORE, PK 653, Sicamous/BC, V0E 2V0. **Koreio**: 24000 ŭonoj. Eldonejo ESPERO, CPO Kesto 3047, Seulo. **Latinameriko**: 33 internaciaj respondkuponoj senditaj al La Gazeto. **Nederlando**: 56 gld. ESPERANTO, Sanderuslaan 20, 3732 ET De Bilt - Poŝtkonto: 7231449. **Pollando**: 60 zlotoj. Maciej WNUK, ul. Broniewskiego 77 m. 137, 01-865 Warszawa. **Portugalio**: 5000 pesetoj. **Slovakio**: 500 kronoj. ESPERANTO, Sobotské nam. 36, 05801 Poprad. **Svedio**: 245 kronoj. **Svislando**: 42 frankoj. Christoph SCHEIDEGGER, Im Schleedorn 6, 4224 Nenzlingen. **Rusio**: ekvivalento de 12 US $. Halina GORECKA, pk 67, 620 077 Jekaterinburg-77. **Ukrainio**: skribu al Natalia FEDOROVA, pk 168, UA-335057 Sevastopol-57. **Usono**: 35 $. ELNA, pk 1129, El Cerrito/CA 94530. **UEA**: 27 eŭroj = 59 gld. konto: edzi-k (ekster Eŭropo: 3,63 eŭroj = 8 gld).


**Directeur de la publication: Madeleine de Zilah**
**Presita ĉe: Imprimerie Séris, rue de l'Etang, 57160 Scy-Chazelles. Dépôt légal: L1-1979/85**

# TRIHARA KURAĜULO

Nu finfine mi ellegis *Kastelo de Prelongo*-on. Mi devas agnoski ke dum pli ol dudek jaroj mi ne tute serioze serĉadis tiun ĉi elĉerpitan libron, kiu estas la unua eldonita romano en nia lingvo. Kelkaj malestimaj frazoj en *Esperanto en Perspektivo*, fontantaj el apenaŭ vualita francofobio, troe malfortigis mian emon ĝin legi. Kial do nun? Ĉar mi estis spuranta la semantikajn principojn de la eloviĝanta esperanta lingvo. La romanon de VALLIENNE eldonis la firmao Hachette en 1907a kaj lingve kontrolis Zamenhofo mem. Tio ĉi gravis por mi: lingvaĵo aprobita, aŭ almenaŭ tolerita, de la Majstro. Mia surprizo estis granda: la romano ne estas tiel malbona kiel mi antaŭtimis. Ĝi fakte restas same leginda kiel ia ajn felietona DUMAS-aĵo, kvankam oni sentas ke la celo de la aŭtoro estas pli elfari romanon en nova lingvo, ol verki elstaran beletraĵon. La personoj de la romano estas do konvenciaj kaj la rakonto celas legantaron alkutimiĝintan al 19-jarcentaj melodramoj, en kiuj nobela devas esti nobla kaj nenobela, malnobla. Ĝuste pro tio, meta-legado farata de socipsikologia vidpunkto povas esti tre interesa. Sed ne tio ĉi estis mia snarko. Min interesis kiel la zamenhofaj principoj semantikaj disfloradas en tiu ĉi frua teksto.

Oni scias ke la baza semantika intuo zamenhofa, en kiu pleje manifestiĝas la genio de la Lingvokreanto, estas la malartefariteco, la strikta respekto de la fontolingvoj. Skemece ni povus diri ke Zamenhof prenis por bazo la tiamajn du internaciajn esprimilojn, la latinan kaj la francan; ke li elsarkis el ili ĉiujn malregulaĵojn gramatikajn kaj malfacilaĵojn fonetikajn; kaj ke li redonis la sangon perditan pro tiu ĉi operacio per transfuzo el la angla kaj la germana. Eĉ supraĵa analizo de la 3108 semanteroj de la *Fundamento* pruvas ke tiel okazis, almenaŭ rilate simplajn aŭ kunmetitajn unuvortajn semanterojn.

Ĉu okazas same pri semanteroj kaŝitaj en esprimoj frazeraj? Krom naivuloj, ĉiuj scias ke la vera karno de ia ajn lingvo estas ĝuste tiuj ĉi esprimoj. Sekve, ĉu la karno de la esperanta estas el esprimoj latinaj kaj francaj, kompletigataj, kiam nepre, per esprimoj anglaj kaj germanaj? De kiam mi pripensadis la zamenhofajn esprimojn kun 'preni' (i.a. "oni prenis vin por iu alia", "neniu prenis ĝin serioze", "oni prenis por natura leĝo" kaj "vi tiel forte prenas al via koro")[1], mi antaŭvidis ke la respondo estas jesa. La legado de *Kastelo de Prelongo* apenaŭ postlasas dubon.



La romano de Vallienne estis profesie post-korektita en epoko kiam la adjektivo 'profesia' signifis garantion de kvalito. Unuavide ne ekzistas preseraroj en la 515-paĝa libro. La Majstro do aprobis, aŭ almenaŭ tralasis, la esprimojn uzatajn de la aŭtoro. Nu, inter tiuj ĉi esprimoj pluraj estas tute francaj, sen ajna transnacia metafora apogo. Tia estas ekzemple la esprimo "trihara kuraĝulo"[2] en la jena kunteksto:

"Sed kiam li ne troviĝis antaŭ la malamiko, li montriĝis bonkaraktera kaj patra; kaj tiamaniere li egalsukcese sin timigis kaj sam-

tempe sin amegigis. Plezure oni ripetis en tendaroj, ke la kapitano Linŝardo estas trihara kuraĝulo, tute bonulo, sed kun kiu, Dinome! ne estas saĝe petoli."[3]

En la franca "kuraĝulo je tri (aŭ kvar) haroj"[4] signifas viron kiu jam pli ol sufiĉe pruvis sian bravecon. Kion aludas la "haroj", kial estas el ili tri aŭ kvar, mi mem devus serĉi. Ĉu Zamenhof sciis tion? Probable ne. Probable sufiĉis al li ke la esprimo estas franca, tio estas fontolingva. Tio ĉi sufiĉe klare montras, ke por la kreinto de nia lingvo la franca estis esprimofonto de la esperanta, eĉ tiam kiam ia aŭ alia esprimo ne havis sufiĉe grandan sugestopovon por esti internacie komprenebla. Paralele ni memoru kiel moke li, ruslingvano, prezentas leteron skribitan per iu uzanta rusajn esprimojn[5]. Zamenhof ne volis ke la esperanta estu 'miks-lingvo' kaj multe zorgis pri ĝia semantika unueco. Bedaŭrinde li estas morta kaj lia fantomo ne volas provizi nin per lingvaj respondoj. Mi certas tamen ke la fantomo dirus: "Ĉio kio envenas nian lingvon devas antaŭe enesti la fontolingvojn, kaj ĉio kio enestas la fontolingvojn rajtas enveni en nian lingvon, se ĝi kuntaŭgas kun ĉio kio jam estas en tiu ĉi."

*Eugene de ZILAH*

1. Nomura: *Zamenhofa ekzemplaro*, p.319-320.
2. bv. atenti ke mi ne estas konsilanta la uzadon de tiu ĉi esprimo!
3. D-ro Vallienne: *Kastelo de Prelongo*, Francujo, Hachette & C[ie], 1907, p122-123.
4. "*brave à trois, à quatre poils, homme d'une bravoure éprouvée*" (*Grand Larousse Encyclopédique*).
5. i.a. en *Lingvaj respondoj*, EFE. 1962, respondo 149a, p120.



**el rumana**

## Nenio ekzistas

Nenio, nenio ekzistas. Mi naskiĝis kaj mortos. La mondo naskiĝis kaj mortos. Nenio estas konkreta kaj eterna. Ni suferas, luktas, ridas, pensas meze de kolornubaj tromboj, ni mem trombo. Kio restas el amo, el juno, el torturo, el la brila bildo de monta sorpo plena je ruĝaj globetoj, el la labirintoj de l' unua infanaĝo? Kolora roso sur la muroj de la memoro. Eĉ morto ne ekzistas. Ni konfuzas la revojn kun la realo, ni moviĝas inter homoj kiuj signifas nenion, ni legas poemojn kiuj diras al ni nenion. Nek infero ekzistas, nek paradizo. Nek klaro, nek konfuzo. Fine de ĉiu libro, same kiel fine de la vivo, restas al vi diri nur:

Nenio, nenio ekzistas. Vi povas esperi je savo, vi povas alkroĉiĝi al religioj aŭ kredi ke ĉi vivo estas reala, konkreta, kaj tio sufiĉas al homo. Vi povas labori aŭ vi povas pigri. Vi povas agi aŭ vi povas kontempli. Vi povas imagi ke ami estas la solvo, la panaceo universala. Sed amo ne daŭras, tion vi lernas el amo. Se vi ne estas la tuta universo kaj se la universo ne estas eterna kaj senfina, vi ne ekzistas kaj nenio ekzistas.

Kiu registru vian bildon, ĝuste la vian?. Kiu diru: "li vivis"? Kiu zorgas? Vi en vi mem, dum kaj "vi" kaj "mem" signifas nenion. Mondoj forĵetitaj, fatraso de mondoj putraj kaj forĵetitaj, sablo de mondoj. Sonĝoj sonĝitaj en sonĝoj sonĝitaj en sonĝoj sonĝitaj en sonĝoj... Mi estis homo, mi havis nigrajn okulojn, mincan vizaĝon; unue mi estis infano, poste adoleskanto, mi verkis librojn, mi edziĝis kaj havis filinon. Mi memoras milionon da aferoj. Mi agitiĝis, mi ploris, mi amis, mi pensis, mi havis ĉiujn virtojn kaj malvirtojn. Mi provis kompreni ĉion. Sed mia vivo estingiĝos kaj sekvos senfina nokto. Mi ne plu ekzistos. Pro tio nun mi diras ĉion kion mi komprenis vivante:

Nenio, nenio ekzistas.

*Mircea CARTARESCU*
el *Levantul* (*La Levantenujo*)
*elrumanigis Ionel ONET*



Maria Becker-Meisberger forlasis sian surteran vivon la 1-an de majo 1999a. Kiel multaj, ni konis ŝian gajecon, ŝian emon al poezio, ŝian amon al floroj kaj plantoj, ŝiajn talentojn de ĉefkuiristino ĉe *Monato* kie ŝi zorgis pri la rubriko *Kuirrecepto,* penante sukcesigi hejme receptojn ricevitajn el la tuta mondo. Post 10 jaroj la franda kolekto naskis belan ilustritan libron, *Internacie kuiri.* kun enkonduko de Marjorie Boulton.

Omaĝe al Maria, ni reproduktas venontpaĝe la enkondukon de ŝia libro, kaj sube ni lasu paroli Takajo Walz kiu intime konis ŝin.

foto: Maria inter Josef Dörr (maldekstre) kaj ŝia edzo Günther Becker (dekstre), dum kultura semajnfino de SEL en Homburgo, Germanio, dec85.

## Mi memoras...

Mia rememoro iras returnen antaŭ 28 jaroj. En la jaro 1971, dum la UK en Londono mi renkontis Günther Becker. Iom poste okazis ke mi edziniĝis kun germana amiko de li. Tial mi ankaŭ konatiĝis kun Maria.

Ekde tiu jaro nin ligis fortega amikeco kun familieca sento. Ŝi kuraĝigis min kaj bonhumorigis min, kiu malkapablis paroli germane kaj ne sciis la eŭropan vivmanieron. De ŝiaj rakontoj mi multe lernis, pri religiaj okazaĵoj, pri botaniko ktp. Tiel varmkora kaj prizorgema ŝi estis al mi, ke mia timemo vivi en eksterlando foriĝis. Ĉar ŝi estis en mia proksimeco, mi povis vivi en la lando kiu tiel distancigis min de mia japana patrino.

Ŝi kapablis tute nature sindoni al multaj homoj kaj ankaŭ serioze interrilati kun ili. Iun vesperon, kiam ni promenadis kune en ŝia urbo Blieskastel, kelkaj italaj knaboj renkontiĝis kun ŝi malbonŝance. Ŝi kolere instigis ilin tuj hejmeniri kaj fari la taskojn por la lernejo. Tiuj neimageblaj sovaĝaspektaj infanoj tute ne kontraŭstaris al Maria kaj obeeme hejmeniris. Mi scias kial: ĉar ili estas tre dankemaj pro ŝia granda helpo al la gastlaboristoj en Blieskastel.

Ŝi forpasis sed plue vivas en mia koro kun multaj belaj memoraĵoj, kiuj helpos forigi mian malĝojon. Mi diris "ĝis revido" al miaj larmoj, rigardante ŝian edzon Günther, kiu klopodas kuraĝe antaŭeniri kaŝante sian profundan ĉagrenon.

Mi estas tre dankema al la sorto kiu donis al mi la okazon konatiĝi kun Maria.

*Takajo WALZ*

## Antaŭmanĝaĵo

**kuirita de Marjorie Boulton**

Manĝado estas inter la malmultaj necesoj absolute universalaj, kaj verŝajne la plej universala plezuro; sed manĝokutimoj kaj manĝobjektoj vaste varias tra la mondo.

Ili varias parte pro klimatoj, faŭnoj, flaŭroj: en Usono kaj, plejparte, Eŭropo, tritiko plej gravas, kun sekalo dualoke en kelkaj landoj; en Ĉinio kaj Japanio, rizo plejofte ĉefas; en partoj de Afriko, ignamoj aŭ eĉ daktiloj simile gravas, kaj kelkaj indiĝenaj arktaj popoloj vivas per fiŝoj kaj sovaĝbestoj kiel fokoj aŭ ursoj. Estiĝis ankaŭ kelkaj iom paradoksaj situacioj: ekzemple, terpomoj, tomatoj kaj kana sukero ege gravas en multaj eŭropaj nutrosistemoj, sed devenis el Ameriko; inverse, preskaŭ ĉiuj ekskoloniaj landoj retenas kelkajn manĝobjektojn kaj receptojn, kiujn koloniistoj enkondukis. Modernaj transportiloj kaj fridigaj teknikoj ebligas preskaŭ senlimajn interŝanĝojn; kiu havas sufiĉan monon, en alte evoluinta lando, povas gustumi multajn ekzotikaĵojn. Modernaj vitrodomaj teknikoj ankaŭ permesas pli varian agrikulturon –mi vidis bananojn kreski en Islando.

Estas ironie kaj tragike, ke en prosperaj, alte evoluintaj landoj, la povantoj ofte manĝas tro; obezeco minacas sanon, kaj maldikiĝo iĝas obsedo, ĝis gazetoj konstante proponas dietojn kaj ĉarlatanoj pri maldikiĝo floras; dume, en pluraj subevoluintaj landoj, la nepovantoj mortas junaj pro ekstrema subnutrado. Ofte ĉe prosperaj popoloj, grava faktoro en beleco estas svelteco, eĉ ĝis la ekstremo, ke vivminaca anoreksio iĝis konsterne ofta malsano inter junulinoj; dum ĉe la plej malriĉaj, graseco estas beleco, eĉ ĝis la ekstremo, ke oni enfermas kaj supernutras fianĉinon por prezenti ŝin, nuptotage, grasegan kvazaŭ pufigitan.

Estas bone, havi pli da eblaj manĝobjektoj; ĝenerale, varieco kaj elektebleco plibeligas niajn vivojn. Senfine pli grave, estas urĝe dezirinde, ke ni homoj, raciokapablaj sed ofte malraciaj kaj maljustaj, aranĝu nian mondon por forigi la ekstremajn malegalecojn kaj kruelajn malsategojn.



Tamen, racio ne estas kaj ne povas esti nia sola kriterio. La psikologio kaj sociologio de manĝado estas komplikaj kaj interesaj, kaj apartaj manĝkutimoj estas granda parto de nia kulturo. Praktikantaj judoj ne manĝas porkaĵojn aŭ konkfiŝojn, buĉas laŭ apartaj reguloj, ne manĝas viandon kaj laktaĵojn sam-manĝe kaj strikte apartigas kuirilojn por tiuj kategorioj; obeas specialajn regulojn por sia paska semajno. Islamanoj ne manĝas porkaĵojn, buĉas laŭ apartaj reguloj, ne drinkas, observas la malfacilan ramadanan faston. Budhistoj kaj, plejparte, hinduoj ne manĝas iun ajn beston; por hinduo, manĝi bovinan viandon estas eĉ sakrilegio. En pli fruaj epokoj, kristanismo insistis pri fastoj kaj abstinadoj multe pli oftaj kaj rigoraj ol moderna karesmo; eĉ foje oni laŭdis la sanktecon de iuj, kiuj per amaraĵoj forigis ĉiun plezuron eĉ de permesitaj manĝoj. Aliaj, pli ĝuopretaj, uzis kazuistikon: ekzemple kiam viando ne licis, ili klasifikis marbirdon, berniklon, kiel fiŝan... Antropologoj trovis multajn aliajn regulojn inter primitivaj popoloj. Ofte certaj nutraĵoj estas malpermesitaj al virinoj menstruantaj aŭ gravedaj, al virinoj ĝenerale, al knaboj dum periodo de puberecaj ritoj, al viroj (ekzemple ĉar kunikla viando igus ilin malkuraĝaj...) aŭ al vidvoj kaj vidvinoj. Ekzistas triboj en Brazilo, de kie nur virinoj rajtas boligi viandon, nur viroj rajtas rosti ĝin; en kelkaj landoj, okazas inverse. Sed estas hontinde, se viro joruba (en Afriko) kuiras por si mem – oni supozas, ke li estas tiel malbona, ke parencinoj rifuzas kuiri por li!

Multaj el ni, kiuj iom fieras pri altevolueco kaj malnaivo, dirus, ke ni ne havas tabuojn; eble aldonus, "escepte, kompreneble, de kaniba-

lismo!"... Sed kiom da eŭropanoj povus enbuŝigi, ekzemple, la termitojn, lokustojn, larvojn, lacertojn aŭ serpentojn, kiujn diversaj popoloj entuziasme manĝas? Dum jarcentoj britoj trovis la francajn pladojn el ranoj aŭ helikoj ŝokaj; tiel ke eĉ hodiaŭ trivialaj ŝovinistoj, eĉ en ĵurnaloj, foje nomas francojn "ranoj". Sed en parto de Togolando, fremdulo estas "iu-kiu-ne-manĝas-verdajn-foliojn"; kaj la vorto "eskimo" estas fakte ofenda (tiuj triboj preferas "inuko"), estante malestima aludo al manĝado de kruda viando.

Malestimaj esprimoj, kaj antaŭjuĝoj pri manĝkutimoj, kontribuas al malamikeco inter la nacioj, eble pli profunde ol ni plene konscias; ĉar niaj pensasocioj pri manĝaĵoj forte influas nin. Mi certe ne estas sola, ke kelkaj pladoj kiuj memorigas pri infanaj malagrablaĵoj restas por mi abomenaj, aŭ ke kelkaj aliaj revekas memorojn pri amataj personoj, krizaj okazoj aŭ belaj travivaĵoj en fremdaj landoj.

Estas bone, ke laŭeble ni penu forigi niajn antaŭjuĝojn, kaj akcepti, ke en ĉiuj landoj la manĝkutimoj estas parto de la kulturo – akcepti tiujn diferencojn kiel ne aĉajn, sed *interesajn*; kompreni, ke la papriko de Hungario, aneto de Skandinavio, sojo de Ĉinio kaj ocimo de Italio, estas taŭgaj, estas bonaj: ke nia loka kuirarto estas nur loka kaj neniel kriteria, norma.

Ni povas vidi paralelon kun Esperanto. Esperanto neniel minacas ies etnan lingvon, sed proponas ekstran lingvon, kiu estas por la tuta homaro kaj iam havos vortojn por ĉies kulturo: lingvon de monda superkulturo. Ni konservu niajn tradiciajn pladojn kaj kutimojn, niajn festajn pladojn kaj manĝajn ceremoniojn; sed ni ne moku kaj malestimu fremdecon; ni eble eĉ provu fremdajn pladojn kaj pliriĉigu niajn vivostilojn. Sed eĉ se ni ne metas strangajn manĝaĵojn en la buŝojn, ni almenaŭ akceptu ilin en la mensojn kaj pli komprenu la vastan diversecon de la mondo, kaj la etecon de ĉies individuaj spertoj kaj scioj. Internacia receptlibro en internacia lingvo estas agrabla legaĵo, interesa kuriozaĵo; jes, sed ĝi estas ankaŭ modesta kontribuaĵo al granda, tolerema, tuthomara superkulturo.

enkonduko al *Internacie kuiri*
de Maria Becker-Meisberger, 1990

## LA PSIKANALIZO CENT JAROJN POSTE

Mi ĵus legis du recenzojn pri traduko de DUC GONINAZ, kiu esperantigis el la germana novelon de Arthur SCHNITZLER titolitan *Sonĝonovelo.* Estas konate, ke la aŭstra verkisto (1862-1931), viena kuracisto, estis allogita de la freŭda penso, kaj ke la viena psikanalizisto Sigmund FREUD (1856-1939) legis la verkojn de Arthur Schnitzler. Niaj du recenzantoj, tio estas iliaj rajtoj, ŝajnas ne ŝati la psikanalizan teorion. La unua, Nikolao GUDSKOV, en *Monato* de decembro 1998, kun multe da diskreteco koncedas, ke li ne estas tre adoranta freŭdismon. La dua, Aldo DE' GIORGI, en *La Gazeto* de marto 1999, rilate al la psikanalizo uzas dirmanieron pli rektan, kiam li skribas "... neniam mi tro emis suĉi senkritike la psikanalizajn teoriojn". Mi rediras, ke la du recenzantoj rajtas diri tion, ke mi respektas iliajn opiniojn. Sed mi kaptas la okazon liveritan de la du kritikaj artikoloj por reelmeti la demandon pri la kontraŭstaro al la psikanalizo. Ne forgesu, ke la grava kaj fama verko de Freud *Die Träumdeutung* (*La sonĝosignifoklarigo*) estis eldonita en 1900, kaj ke baldaŭ la psikanalizo estos unu jarcenton aĝa. Dum tiu periodo kaj ekde la komenco la psikanaliza doktrino faris revolucion en la tuto de la prihomaj sciencoj, kaj ĝi iĝis neignorebla. Kom-



*Freud* portreto fare de Dali



preneble tia fenomeno nepre provokas iujn kontraŭstarojn. Tion ni reekzamenos pli poste, ĉar antaŭe la du artikoloj ĉi supre menciitaj instigas nin al kelkaj etaj rimarkoj.

Freud, Schnitzler, Zamenhof estas samepokaj. Ili juddevenaj estas. Ĉiuj tri kuracistoj estas. En 1886, de majo ĝis la jarfino, Zamenhof vivas en Vieno por studadi oftalmologion. La saman jaron Freud sin instalas en Vieno estiel privatdocento en neŭropatologio (je Pasko, la 25an de aprilo, n-ro 7 Rathausstrasse), kaj poste edziĝas. Dum lia studado pri oftalmologio Zamenhof certe lernis anestezi la okulkorneon per okulakvo kokaina. En 1884 Freud malkovris eksperimente la anestezan efikon de la kokaino sur la korneo, kaj povas esti, ke Zamenhof aŭdis pri la nomo de la malkovrinto: Freud. Tie ĉi elĉerpiĝas la kelkaj komparaj elementoj. La esperantistaro ofte pasie asertas, ke Zamenhof estis geniulo. Povas eble esti. Fakte, laŭ la psikologia terminologio, la kreinto de la Lingvo Internacia estas parenca al idealistoj pasiaj, kies mensan konstitucion* priskribis la franca psikiatro DIDE (en 1913). La pasio ne estas memkonsekvence patologia, sed konstante okupas la mensan sferon, ofte de la junaĝo ĝis la morto (kiel la Majstro). En la kazo de Zamenhof oni trovas la internan ideon (ideo pasia de refratiĝo kaj plena interkompreno inter la gentoj) kaj la homaranan ideon: ĝi "estas la celo de mia tuta vivo" (L.Z.). Tiu ĉi estas speco de 'neŭtrala religio' super ĉiuj religioj (ideo pasia de reamikiĝo de ĉiuj homoj). La du pasiaj ideoj koincidas en unu sama sistemo sen granda filozofia ellaborado: je kia ajn kosto refratigi ĉiujn homaranojn, rekrei la Edenon sur la Tero. Esperanto estu la rimedo! La pluaĵo estas konata: nur lingvo, diris la markizo de BEAUFRONT, kaj iom post iom la esperoj de Zamenhof svenis. Ĉu li aŭdis pri la psikanalizo? Mi ne komplete legis lian verkaron, sed, krom eraro, mi opinias, ke la tezoj de tiu nova fako lian atenton ne kaptis. Kompense kelkaj eminentaj esperantistoj koniĝis kun la psikanaliza teorio. Gaston WARINGHIEN ekzemple tradukis iujn psikanalizajn konceptojn kun pli malpli da sukceso, sed li eraras pri la elementa biografio de Freud. Eble tio ne gravas por la esperantistaro, kies biblioteko estas malplena je psikologiaj kaj psikanalizaj libroj. Ĉu Freud aŭdis pri Esperanto? Mi bone konas la freŭdan verkaron estiel praktikisto de psikanalizo dum multaj jaroj, sed mi ne legis sub la Freud-a plumo iajn aludojn pri la Lingvo Internacia. Tamen la patro de la psikanalizo interesiĝis pri la lingvistiko, grava temo por la psikanalizistaro. Mi opinias, ke en la okazo se Freud parolus pri Esperanto, la esperantistaro abunde mencius tion. Sed mi ne aŭdis pri tio? Ĉu ĝuste?

*

Antaŭ ol diri kelkajn vortojn pri la kontraŭstaro al la psikanalizo mi rapide rediru, kio estas tiu branĉo de la scio. La respondo al tiu demando troviĝas en la Freud-aj tekstoj, kiujn mi resumas ĉi-sube.

• Unue: la psikanalizo estas metodo de esplorado de la mensa vivo, kiu ĉefe konsistas en evidentigo (reliefigo) de la nekonscia signifo de paroloj, agoj, imagaj produktoj de subjekto (sonĝoj, fantasmoj, deliroj). Tiu metodo precipe baziĝas sur la liberaj ideoasociadoj de la subjekto, kiu per vortoj starigas ligojn, kiujn li faras inter siaj imagbildaĵoj, pecetoj de memoraĵoj kaj signifantaĵoj. La fadeno de la asociadoj ebligas elŝovi la kaŝitajn enhavojn el la konscia parolado, do poste el la signifoklarigo dank' al la interpretanta psikanalizisto. La liberaj asociadoj de la subjekto garantias la validecon de la signifoklarigo. La psikanaliza interpretado povas etendiĝi al homaj produktadoj por kiuj oni ne havas liberajn asociadojn.

• Due: la psikanalizo estas metodo de psikoterapio bazita sur tiu esplorado kaj specifita de la signifoklarigo kontrolita de la kontraŭstaro, de la transŝovo kaj de la deziro. Sinonime: 'psikanaliza kuracado' aŭ 'fari psikanalizon'.

• Trie: la psikanalizo estas aro de psikologiaj kaj psikopatologiaj teorioj, en kiu la bazoj liveritaj de la psikanaliza esplor-metodo kaj de la kuracado estas sistemigitaj.

Aldone, fakte la psikanalizisto lokmetas aparaton por elaŭskulti la paroladon de la subjekto,

kiu estas kampo de la racia kono de la esto, kaj laŭ iuj psikanalizistoj kampo de la scienco. Kompreneble la furoro atingis multajn verkistojn, kiuj skribis tekstojn, kies enhavo, metodo kaj rezultoj havas tre malproksimajn rilatojn kun la freŭda pensado. Sed tre gravaj libroj pri psikanalizo ne estas sur la bretoj de bibliotekoj ĉar ankoraŭ ne tradukitaj esperante. Kial? La respondo eble kaj parte estas en la demando, kiun ni nun ekzamenos: kial la kontraŭstaro al la psikanalizo? Ankaŭ tie ni rigardu tion, kion diris Freud en artikolo de 1925.

Ĉiu noveco aŭ novaĵo kaŭzas timojn kaj kontraŭstarojn. Koncerne la psikanalizon tiuj lastaj esence estas intelektaj kaj emociegaj. Inter la intelektaj kontraŭstaroj oni renkontas tiujn de kuracistoj kaj de filozofoj. Kiam la psikanalizo evidentigas, ke la deveno de la neŭrologiaj malsanoj estas psikodevenaj, multe da kuracistoj alkutimiĝintaj, per anatomio kaj fiziko, al la organodevenaj ne povas aliĝi al tiu ideo, kiu gravigas la psikan fakton. Nuntempe la situacio malsimilas, kvankam kelkaj el ili ne ŝatas tiun nemekanisman etiologion. Por la filozofoj samepokaj je Freud la problemo estis, ke la plejmultaj el ili koincidigis la mensan vivon kun la konscia vivo, la koncepto de nekonscia vivo estis neebla postulato. Aktuale la afero estas



Jean-Jacques Pons
el *Le Psychisme*
Magnard, Parizo, 1980

tute malsimila, multege da filozofoj agnoskas la nocion de nekonscio kiel evidenteco kaj pripensas pri ĝi. Same la psikologoj, sociologoj, antropologoj ktp. Kompreneble ankoraŭ ekzistas kelkaj kontraŭfreŭdaj filozofoj, ĉefe marksismo-leninismaj kaj aliaj (ekz. en Francio Jean Paul SARTRE).

Sed, rimarkigas Freud, la polemika frakcio kontraŭ la psikanalizon povas klariĝi nur pro emociegaj kontraŭstaroj. Pri kio temas? La nova disciplino montris la gravecon de la seksaj impulsoj en la psika vivo (SCHOPENHAUER diris la samon), en la mensa patologio kaj ankaŭ en multe da homaj produktoj (arto, religio, sociaj faktoj ktp). La kontraŭstarantoj fabrikis iun tutseksualismon, kiu estas riproĉo malĝusta.

Fakte la sekseco pri kiu parolas la psikanalizo ne estas la volupto de la seksaj organoj sed pli ĝenarala termino, kiel la 'Eroso' en *La Bankedo* de Platono. Sed ĉiel ajn, laŭ Freud, la hipokrita homa socio ne povus suferi, ke la plej valoraj homaj akiraĵoj povus havi seksan devenon, kaj tiu vundo estas neeltenebla. Kaj pli malbone...! la psikanalizo priskribas la komplekson de Edipo, t.e. iu infana seksa vivo kaj forbalaas la infanan senmalicon. Tio estas tro; pro tio oni pasie atakas la psikanalizon, ĉar ĝi malnobligas la homon, kaj ĝi estas 'malamo al la civilizacio' (danĝera disciplino, poste burĝaĉa scienco). Laŭ la majstro de Vieno la homa memestimo estas vundita de tri humiligoj (vundo narcisisma): la kosmologia vundo kaŭzita de COPERNIC (la Tero ne plu estas la centro de la mondo), la biologia humiligo kaŭzita de DARWIN (la homo kaj la besto havas komunan praulon) kaj la psikologia humiligo kaŭzita de Freud (la konscio estas regata de nekonsciaj fortoj). Freud sin iomete moŝtiĝas... kaj li finas sian tekston elmetante la demandon, ĉu lia juddeveno ludas rolon en tiu kontraŭstaro al lia verko. Kelkajn jarojn poste la respondon donis la naciasocialismo bruligante la librojn de Freud, kaj la sekvo estas konata.

*

Certe la kontraŭstaroj al la psikanalizo de tiama epoko ŝanĝiĝas. La problemoj kiujn nun alfrontas la psikanalizo estas iomete malsamaj. Nuntempe estas vere, ke multe da psikologiaj aŭ psikiatraj studentoj ne plu faras psikanalizon, kaj ilia multo malgrandiĝis. La lastajn jarojn elinter niaj internaj psikiatroj el Pollando aŭ Rumanio kelkaj (unu aŭ du) deziris fari psikanalizon, sed hezitante, ĉar estas longa laborado, kaj malfacilas transpasi de pensado marksisma al alia pensado pli malfermita, nedogma, kie oni parolas pri la subjekto. Estas vere, ke eminentaj verkistoj kritikas la psikanalizon, jen ĝiajn konceptojn bazajn, jen la nekonscion, jen la interpretadon, jen la nocion de psikanaliza scienco ktp. Tiaj kritikoj estas ĉiam interesaj. Persone, kiel aliaj psikanalizistoj, mi opinias, ke neniuokaze necesas polemiki kun la kontraŭfreŭdismaj. Unue la psikanalizo bone rezistadis ĉar ĝi havas grandan kulturan penetriĝadon en Okcidento (tio ne ĉiam estas bona afero por la psikanalizo mem, kiu povas esti falsita), ĉar ĝia sciado estiĝas kiel produkto de sperto senĉese renovigita. Due, kiel jam dirite ĉi-supre, la psikanalizo estas praktikado, kiun oni spertas mem en la kadro de "divano kaj brakseĝo", poste kiun oni spertas kun paciento. Tial estas ĉiam malsimple diskuti kun iu, kiu ne spertis tiun psikanalizan rilaton, aŭ kiu ĝin maltrafis. Do miaopinie la psikanalizo abunde montris siajn kapablojn kaj havas ion pli bonan por fari ol polemiki.

La revolucio de la neŭrosciencoj, la revolucio scikapabla, kiu liberigas la mensajn sciencojn de la behaviorisma diktaturo, grandpaŝe ekiras, kaj la psikanalizo, mensa scienco, nepre staru pontojn kun tiuj novaj sciencoj. Tio eblas. Tie estas la venonteco, kaj la psikanalizo ankoraŭ havas kelkajn belajn tagojn antaŭen.

Kaj Esperanto? Ĝi devus 'fabriki' kompetentajn tradukantojn, aŭ pli bone tradukistojn, kun agnoskita diplomo. Cetere, Claude PIRON montras, ke se oni uzus la Lingvon Internacian kiel traduklingvon en U.N.O. aŭ en la Eŭropa Unio oni ŝparus multe da milionoj da eŭroj. Estas tute vere. Sed la fakto, ke paroli esperante gajnigus monon, estus pli bone.

*G. PATUREAUX*

*La moderna psikiatrio ne plu parolas pri 'konstitucio mensa', tamen tiu terminologio estas pluuzata de la psikiatroj marksismo-leninismaj.




## *AUSTRALIA FELIX*

**ndlr:** Baldaŭ aperos ĉe IEM (Vieno) novelaro de Trevor Steele, kies parte ironia titolo estas klarigita en la enkonduko, kiun vi povas legi ĉi-sube.

Se la fruaj jaroj ne estas malfeliĉaj, la naskiĝlando tiras per mistikaj ligoj. Mi suspektas, ke en la animo de ĉiuj ekzilitoj kaj eĉ riĉaj migrintoj estas iuj veaj punktoj.

Ido de eŭropdevenaj aŭstralianoj (aŭ aŭstraloj, kiel iuj volas esti nomataj), mi multe vojaĝis alikontinente, ĉefe en tiu relative malgranda etendaĵo de Azio, tiu Eŭropo, kiu dum la lastaj jarcentoj draste ŝanĝis la tutan planedon. Fakte mi estas ĉi-momente en la landeto Litovio, kaj probable iros poste Azien. Sed mi scias, ke mi ĉiam reiros al Aŭstralio.

Aŭstralianoj kun "blanka" haŭto ofte, se neklare, konscias, ke estas misakordo inter la heredita vivmaniero kaj la sudhemisfera pejzaĝo formita grandparte de antikvega kaj preskaŭ malaperinta kulturo. Ĉu la posteuloj de eŭropanoj en Ameriko kaj Afriko sentas simile?

Brita esploristo de la frua deknaŭa jarcento, transmarŝinte grandan areon de "nova teritorio" post favora pluvsezono, nomis ĝin latine *Australia felix*, feliĉa Aŭstralio. Se li estus spertinta ĝin post dujara sekeco, eble li estus aldoninta al la pesimisma nomaro trovebla ĉie sur mapoj de la kontinento: Monto Senespera, Kadavra Valeto, Seka Rivero, Averta Monto...

Pri kio la monto avertas? Pri tio, ke la vivstilo de Eŭropo, kiu celas fine komforton, eblus nur per granda peno; ke oni devus lerni paŝi alimaniere, respekti fremdajn vivritmojn, malfermi sin al novaj perspektivoj. Ĉu ni faŭstidoj povas lerni de la homoj vivantaj ĉi tie dum cent jarmiloj? Aŭ ĉu ni mem tiel transformis la pejzaĝon dum ducent jaroj, ke la spertoj de aliaj perdis sian instruvaloron?

Tiuj duboj pri la konveneco de la propra vivmaniero rolas en preskaŭ ĉiu rakonto en la nuna kolekto. Eble ne en la gaja nostalgio de *La raketo de Freddy revenas*; plej konscie en *Orienten el Perto*. Lige al tiu kerna demando estas meditoj pri la alia centra politika-kulturajura problemo de la lastaj ducent jaroj: la preskaŭa ekstermo de la aborigenoj, kaj la aktualaj sekvoj de tiu krimego. Aldonendas, ke multaj el miaj samlandanoj trovus tiun priokupiĝon misproporcia: aborigenoj konsistigas nur unu procentaĵon, de la loĝantaro, kaj eĉ estas duboj pri la 'aborigeneco' de multaj. Ĉu Chad Andrews en *Por savi nigran animon* estas aborigeno. Ĉu Birrubali vere restis aborigeno?

Mi povas nur esperi, ke el tia cerbumado estiĝis io, kion aliaj aŭstralianoj kaj ceteraj kunhomoj trovos interesa.

*Trevor STEELE*

---

## KRUCVORTENIGMO 'KVE-83'

**HORIZONTALE**

1•Esperantisto furora ĉe TTT-verkistoj 2•Font' de amara rezino •Rolvorteto •Antaŭlasta de Beethoven 3•Poemaro de duopo 4•La dua insulo de la mondo laŭ surfaco •36,4-litra 5•Datilo ĉe Romanoj •Metoda esploro 6•Derivilo •Kuracmetod' 7•Rabobird' •Derivilo 8•Greka himno-aŭtoro •Prefikso 9•Artistar' •Frakci' 10•Rizbuloj.

**VERTIKALE**

1•Tradukis en la francan volumojn de anglalingva *Historio de Civilizo* de Will DURANT 2•Biblia libro •Abono 3•Doktrin' 4•Malgrandazia urbo 5•Tenere ŝatata paradiz' •**MG** (inverse): ĉina pentristo ĉe imperiestroj Yuan 6• Kaptilo •Sporta event' 7•Ĉerpilo 8•Leonidbleke 9•Verko de Ĥristo MARINOV 10•Nimf' •Ĝuil'.

Tri solvintoj ricevos premion se iliaj solvoj alvenos **antaŭ** 25jul99

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | | | | | | | | | |
| 2 | | | | ■ | | | ■ | | | |
| 3 | | | | | | | | | | |
| 4 | | | | | | | ■ | | | |
| 5 | | | | | | ■ | | | | |
| 6 | | ■ | | | ■ | | | | | ■ |
| 7 | | | | | | | | ■ | | |
| 8 | | | | | ■ | | | | | |
| 9 | | | | | | | | | | |
| 10 | | ■ | | | | | | | ■ | |

# VIKTIMO DE L' INKVIZICIO

**Cabriele ROSA, *Cecco d' Ascoli*, dulingva, elitaligo de Lina GABRIELLI 22a vol. en serio 'Plejado', Ascoli Piceno, Italio, 1997, 80p, ĉ. 5 eŭroj**

Komence de la 14a jarcento la vento de nova, altkvalita literatur-sezono trablovas la italajn ĉefurbojn, kien poetoj kaj kleruloj alkuras vokate de la disfloranta prospero kaj artamo de la Senjoraj kaj Komunumaj kortegoj. Nekontesteble dominas tiun literaturan sezonon la klere giganta figuro de Danto (Dante ALIGHIERI, 1265-1321) kaj, esence, lia *Komedio*, kiun tuj la komentistoj kaj literatur-esplorantoj ekdifinos "dia". Fakte, la *Komedio* sin kroĉas, ne nur strukture, ĉe la mezepoka tradicio de la 'vizioj' pri la transmondo, de la vojaĝoj alegoriaj kaj moralaj tiam abunde pritraktitaj. Danto unuapersone rakontas sian vojaĝon en la transmondajn regnojn de Infero, Purgatorio kaj Paradizo. Tia vojaĝo ebligas al Danto ekkompreni la strukturon de la universo kaj konatiĝi kun la postmortaj kondiĉoj de la animoj lin kondukas, per la gvidado de Vergilio kaj Beatrica, traĝui la beatigan kontemplon de Dio.

Kontraste kun tiu morale mistika kaj filozofie doktrinema koncepto profunde influanta la tutan tiutempan italan poezion kaj prozon, ekestas kaj eĉ prosperas, paralele, la tiel nomata 'didaktika poezio' de la 14a jarcento. Ĉi tia poezio reprenas la skemojn de la instrucela literaturo, alegoria kaj morala de la antaŭnelonga romanca tradicio, tamen ĝi sin komparas kontraŭstare kun la nova kaj granda modelo de la *Komedio* danteska. Ĉi didaktika poezio estigas egan intereson ĉe la publiko, sed ĝi estas preskaŭ originaleco-manka: la moralaj kaj religiaj elementoj ĉefe adaptiĝas al la ĉiutagaj kaj kutimaj vivoformoj, rezignas pri ĉia intelektula stilesploro kadre de taŭga sento pri realo, kiu emas defendi la homon kontraŭ la ŝvebantaj minacoj de la tiutempa socio.

Fakte Cecco naskiĝis en Ascoli, urbeto en centra Italio, kelkajn jarojn antaŭ Danto. Iuj lin asertas naskita en 1257, aliaj en 1260 aŭ 1269. Nebulas liaj naskiĝo kaj knabjaroj, pri kiuj atestas neniu dokumento. Certas, ke lia patro, Simone STABILI, estis riĉa kaj bonstata askolano. Kie Cecco studadis kaj flegis sian multflankan kleriĝon estas nekonate, oni prave supozas, pro la tiamaj cirkonstancoj de klerigo-centroj en Italio, ke Cecco tre verŝajne studadis en la suditala urbo Salerno, kie floradis fama medicina lernejo. Ankaŭ en Bolonjo, alia fama medicina studcentro, Cecco eble poluris plu sian lernemon kaj konatiĝis kun tiu Dino del GARBO, kiu de amiko ŝanĝiĝis al akra malamiko ĝis akuzo pri herezo kontraŭ Cecco. Ĉi tiu havis pozitivisman talenton, li pli emis al scienco ol al arto kaj literaturo, sensatiĝe soifis je vera sciemo kaj esplorbezono; arde li sondadis ĉiajn



Holbein

naturajn misterojn kaj fenomenojn. Tiu scioardo lin puŝis ofte esplori kaj okupiĝi pri okultaj sciencoj, inter magio kaj spiritismo. El tio, verŝajne, fontis la akuzoj kontraŭ li fare de malamikoj kaj enviemuloj. Ni retrovas liajn spurojn ĉe la Papa Kortego en 1317, kie Cecco certe akcelas kaj ampleksigas siajn studojn pri la arabaj doktrinoj. Napolo estis tiam la ideala

vojkruciĝo de la orienta kaj okcidenta sciofluoj, precipe pri astronomio kaj astrologio, kiujn li poste eminente instruos en Bolonjo en 1322. Gravas lia latinlingva komentaro pri la astronomia verko *Sphera Mundi* de SACROBOSCO kaj traktato pri la Ptolemea astronomia sistemo. Tiutempe la universitatnivelaj scioj estis akiritaj kaj transdonitaj latinlingve, sed sub influo kaj premo de la pli kaj pli famiĝantaj poetoj de la "dolĉa stil' nova", la vulgara, itala lingvo de Danto kaj lia skolo, potence allogadis ankaŭ scienculojn kaj astronomojn kiel Cecco d' Ascoli. Tiel li ekverkas itale, instrucele, sian sciencan poemaron en dekunusilabaj versoj rimitaj, kun la titolo *L'Acerba* (prononcu 'l' aĉerba').

En la itala, la vorto *acerba* estas adjektivo kun signifo plurtavole nuancita, kiun povus anstataŭi abunda preciziga sinonimaro, kiel 'nematura', 'acerba', 'aspra', 'acida', 'adstringa', 'agaca', 'severa', 'pika' ktp. Fakte la vorto *acerba* estas esence kaj intence neklare vastasenca, cele al plurfacetaj signifonuancaj interpretoj.

*L'Acerba* estas kvinlibra, pli precize kvinĉapitra poemaro, kies lasta ĉapitro restis nefinita pro la abrupta ekzekuto de Cecco en 1327 fare de Inkvizicio. Multaj taksas ĝin ne vera poemaro, sed morala, filozofia kaj scienca traktato en rimoj. Pro la graveco de la scienca argumentado, la versoj estas ofte fantaziomankaj, pezaj, aspraj, duraj kaj obskuraj. Li kutimis verki latine, sed influate de la famuloj tiutempaj, eĉ Cecco ekversis vulgarlingve kiel Danto, Cavalcanti kaj la ceteraj. La plej elstara kvalito de lia poemaro estas la scienca temaro malorde enlibrigita: de matematiko al astronomio, de naturfenomenoj al homa anatomio, al fizikaj leĝoj, al politika prijuĝo pri samtempuloj. Cecco ne estis artisto, li estis scienculo, li ne komprenis aŭ ne emis reliefigi la famon de sia samtempulo Danto, al kiu li foje referencas en sia poemaro:

"Ĉi tie mi ne kantas laŭ l' poeto
fintanta en la rev' pri vanaj aĵoj,
sed ĉi ekbrilas, lumas natur' ajna."

La sciavido kaj esploremo pri sciencaj faktoj greftiĝas, liapoeme, sur la simboliko kaj magio, sur la popolaj superstiĉoj, kiuj transdonas al ni tre konkretan bildon pri la ĉiutaga konduto kaj moralo liatempaj.

Tamen super la kapo de Cecco densiĝadis la kolero de Gibelinoj, de la kontraŭuloj en arto kaj scienco, de la monaĥoj, kiuj pli kaj pli arogantiĝis pro la kreskantaj kondamnoj kaj mortverdiktoj de la Inkviziciaj Tribunaloj, antaŭ kiujn ankaŭ Cecco estis fintrenita. Oni akuzis lin pro herezo lige kun lia astronomia komentaro pri *Sphera Mundi*, kie li asertis, interalie, iajn influojn de malicaj spiritoj en la ĉielsferoj. La mortverdikto estis trafita la 15an de septembro 1327 en la preĝejo de la Minoritaj Monaĥoj en Florenco fare de la juĝanto Minorita Monaĥo Accurzio. La postan tagon Cecco estis bruligita sur ŝtiparo.

Lia latinlingva komento pri *Sphera Mundi* verŝajne utilis nur kiel preteksto por lin kondamni je morto. En lia poemaro, poste verkita, nenio senapelacia antaŭ la Inkvizitoro troveblas. Ĉe la posteularo lia nomo akiris alterne aspekton de magia timigilo, aŭ de liberpensulo, sed ĝis la komenco de la 17a jarcento lia poemaro estis ofte reeldonita kaj studata. Poste, senkompata vualo de neglekto kaj forgeso ĝin kovris tra jarcentoj, kun ege maloftaj mencioj. Nur antaŭ kelkaj jardekoj la poemaro *L'Acerba* estis reeldonita kaj iom reanalizita pli modernkritike, sed pluraj facetoj de la vivo kaj verkaro de Cecco restas plu esplorindaj.

*Nicolino ROSSI*





# EPOKO SEN KOMPASO?

Kelkajn jarojn post la katastrofa dua mondmilito aperis *La milvizaĝa heroo*[1] de la usona klerulo Joseph CAMPBELL*. La verko prezentas kvazaŭ-antologion de citaĵoj el la mitologioj kaj sanktaj libroj de ĉiuj kontinentoj.

Campbell montris per sennombraj citaĵoj (foje klarigendaj) la bazan similecon de tiuj mitoj/doktrinoj malgraŭ ĉiaj geografiaj kaj epokaj diferencoj (eĥoj de la teorio de C. G. JUNG pri 'pratipoj' klare aŭdeblas).

Epiloge Campbell priskribis la nunan epokon kiel tre danĝeran transiron:

"... [la tradiciaj mitologiaj simboloj] ja mankas al la nuna vidpunkto: la demokratia koncepto de sin-determina individuo, la invento de intern-energiaj maŝinoj, kaj la evoluigo de sciencaj esplormetodoj, ĉi-ĉio tiel transformis la homan vivon, ke la prae heredita, sentempa universo de simboloj kolapsis. Laŭ la fatalaj, epok-anoncaj vortoj de la *Zaratuŝtro* de Nietzsche, "mortis ĉiaj dioj". [...] La sorĉo de la pasintaĵo, la ĉenoj de la tradicio estis frakasitaj per celtrafaj, potencegaj batoj. La sonĝoreto el mitoj disfalis; la homa menso vekiĝis al plena konscio; la moderna homo emerĝis el pratempa senscio kiel papilio el sia kokono aŭ kiel suno ĉe leviĝo el la utero de la patrinonokto."

"Ne nur, ke ne plu troviĝas lokoj, kie la dioj estus kaŝataj for de esploraj teleskopoj kaj mikroskopoj; ne plu ekzistas tia socio, kian iam la dioj subtenis. La socia unuo ne plu estas portilo de religia enhavo, sed ekonomia-politika organizaĵo. Ĝiaj idealoj ne plu estas tiuj de hieratika pantomimo, kiu manifestas surtere la ĉielajn formojn, sed tiuj de sekulara ŝtato, rezolute kaj senĉese luktante pri materiaj rimedoj kaj potenco. Izolitaj socioj, sonĝo-ligitaj ene de mitologie fekunda horizonto, ne plu ekzistas krom kiel ekspluataĵoj. Kaj en la evoluintaj socioj mem ĉiu lasta spuro de la antikva homa heredaĵo de ritoj, moraloj kaj arto neniiĝas."

"La problemo, kiun la homaro devas nun alfronti, do tute malas tiun de homoj en tiuj relative stabilaj periodoj de la grandaj organizaj mitologioj, kiujn oni nun nomas mensogoj. Tiam oni vidis signifon en la grupo, en la grandaj anonimaj formoj, neniel en la individua homo; hodiaŭ estas nenia signifo en la grupo, nenia en la mondo: ĉia en la individuo. Sed en la individuo la signifo estas absolute senkonscia. Oni ne scias, kien oni evoluas. La komunikiloj inter la konscia kaj senkonscia zonoj de la homa psiĥo estas ĉiuj fortranĉitaj, kaj ni dissplitiĝis en du partojn."

"La heroaĵo farenda hodiaŭ ne estas la sama kiel en la jarcento de Galileo. Kie tiam regis mallumo, nun estas lumo; sed kie tiam estis lumo, nun regas mallumo. La moderna heroaĵo farenda estas ree ilumini la perditan Atlantidon de la tutece funkcianta animo?"[2]

*

Ĉu io ŝanĝiĝis en la duonjarcento post la apero de *La milvizaĝa heroo*?

Ĉu ni lamentu la forpason de nerevivigebla etapo de nia evoluo? Kien nun?

Unuflanke ni nepre vidu la avantaĝojn de la moderna individuismo. Ĉu eblis en pli frua epoko fiksi homajn rajtojn, provi protekti jure virinojn, infanojn, etnajn kaj alispecajn minoritatojn? La Hitleroj kaj Stalinoj, kiuj por maski sian megalomanion submetis individuajn rajtojn al la postuloj de pseŭdokolektivo, devus nin averti.

Aliflanke ni ne pretervidu iujn paradoksojn. Ĝuste en nia individuisma epoko megamaŝinoj nomataj ŝtatoj mobilizas vastajn anonimajn homgrupojn por buĉi aliajn anonimulojn. Kaj kvankam vi kaj mi nun rajtas evoluigi niajn individuajn personecojn je skalo nepensebla antaŭ kelkaj jarcentoj, mi suspektas, ke estas nun *malpli* da diversaj homtipoj ol antaŭe. La 'monda vilaĝo' konstruas ĉie sur la planedo Macdonalds.



Pierre Mignot
el *Planète 36*
1967

Alia paradokso: se antaŭ nia epoko ekzistis 'tutmonda penso', ĝi antaŭvidis 'tutmondigon' de la propra religia aŭ sekulara imperio. Nur individuo, ideale sendependa de la propra medio, kapablas sin vidi kiel anon de la tuta homaro, loĝanton de la tuta planedo. Sed kiel tiuj klarokulaj individuoj trovu siajn samideanojn kaj kunlaboru?

Esperantismo estas trafa ekzemplo de tiu lasta paradokso. Uzi la internacian lingvon estas elekto de individuo (eĉ se ni foje deziras, ke estu grupa premo tiudirekten), sed laŭ mi apenaŭ havas sencon uzi tiun libere elektitan lingvon, se oni ne konscias pri ĝia tuthomara celo.

Sur lingva nivelo esperantismo, kaj propraterene verdismo, potenciale plenumas la rolon, kiun Joseph Campbell antaŭvidis por "la moderna heroo": matura individuo, kiu tamen retrovas ligojn al la tutaĵo, el kiu ni ĉiuj fontas. Iom patose li finis sian libron:

"La moderna heroo, la moderna individuo, kiu aŭdacas obei la vokon kaj serĉi la kieon de tiu Esto, kun kiu reunuiĝi estas nia komuna destino, tiu heroo ne povas, ja devas ne atendi, ke lia komunumo forĵetu siajn orgojlon, timon, pravigatan posedavidon kaj sanktigatan miskomprenon. "Vivu," diris Nietzsche, "kvazaŭ la tago estus jam veninta". Ne la socio gvidu kaj savu la kreeman heroon; precize male. Kaj do ĉiu el ni dividas la plej altan suferadon – portas la krucon de la liberiganto – ne en la helaj momentoj de la grandaj momentoj de la tribo, sed en la silentoj de la propra despero."3

*Trevor STEELE*

**1.** Joseph CAMPBELL, *The Hero With a Thousand Faces*, Fontana, London, 1993 (unua eldono 1949).
**2.** id., ibid., p387-388. **3.** id., ibid., p391.
* Campbell (1904-1987), mitologo kaj folkloristo.

# OSIEK-PREMIO

'Frodo' desegnis Mégumi Sachs-Komamura

Eli Urbanová desegnis Mégumi Sachs-Komamura

## 5 esperantistoj plej ofte proponitaj kaj laŭstatute premiindaj

**William AULD** tradukis
*LA MASTRO DE L' RINGOJ*
de **John Ronald R. TOLKIEN**
Sezonoj, Jekaterinburg, Rusio
3 vol., 1995-97, ĉ. 1400p



... Tiom da rilatoj ekzistas inter la "interna ideo de Esperanto" kaj la kunigaj principoj estrantaj la mondon de Tolkien', ke ne surprizus min, se *La Mastro de l' Ringoj* fariĝus la "Odiseado" de la esperantoj. ...

Ĉi tiun novan kaj ne plu malhaveblan trezoron de niaj bibliotekoj tradukis (majstre, ĉar li estas majstro) William AULD: bravo...

*LG71, Eugene de ZILAH*

**William Auld** estas proponita ankaŭ por:
*PAŜOJ AL PLENA POSEDO*, Legolibro
HEA/Heroldo, Budapest, Hungario, 1989 (6a eld.), 228p. (7a eldono presata, Edistudio, somero 1999)

La plej populara progresiga legolibro, konsistanta el tridek legaĵoj kun ekzercoj.

**Gerrit BERVELING** kompilis kaj tradukis
*ANTOLOGIO LATINA*
Chapecó, Brazilo, 1998,
2 vol., 576p.




... Mi malkovris ke la elektaĵo de Berveling estas pli bunta, pli interesa ol tiuj de porlernejaj tekstoj, prudaj, plataj kaj elpurigitaj je ĉiu spico. (...)

Li prezentas al la leganto, krom la suprojn de l' latina literaturo, rarajn tekstojn, kiujn oni eĉ ne trovas (almenaŭ mi ne trovis) ĉe Interreto. (...) Ambaŭ volumojn komencas interesaj historiaj enkondukoj.

La tradukisto science kaj saĝe "konservis la *skemon* de la diversaj metrikoj", sed anstataŭigis la longajn kaj mallongajn vokalojn de l' latina per la Esperanta vortakcento. (...)

Eble pro tio ke la tradukisto multe atentas la fidelon al la forma etoso de l' poezio, la traduko ŝajnis al mi foje iom tro libera... (...) Evidente Berveling devis elekti inter fidelo al la koncizeco kaj formo de l' versoj, aŭ klareco kaj klarigo de l' frazoj. Li elektis fidelon, kaj, laŭ mi, li bone elektis...

*Esperanto feb99, Higinio GARCIA*

**XIE Yuming** tradukis
*RUĜDOMA SONĜO*
de **CAO XUEQIN** kaj **GAO E.**
Ĉina E-eldonejo, Pekino, 3 vol., 1995-97, 1900p.



Ĉu la aliro al la ĉina civilizacio tra la esperanta traduko, fare de Xie Yuming, estas pli facila, aŭ pli profitdona, ol tra etnolingvaj tradukoj? Pri pli granda facileco mi ne tute certas; sed pri pli granda profitdoneco, jes.

Por esperantistoj, kaj nur por ili, estas aldona merito de tiu ĉi esperanta *Ruĝdoma sonĝo*, la lingvaĵo uzata de la tradukinto, variaĵo de la orienta dialekto, gramatike tre fundamenta, leksike, semantike kaj stilistike neologismala. Ĉiupaĝe troviĝas pripensindaĵoj. (...) Tiaj semantikaj neologismoj svarmas en la libro. Kelkaj el ili estas utilaj, preskaŭ ĉiuj pripensindaj. Kvankam stumbligaj por nespertaj legantoj, la bonaj efike atingos sian lingvonivelon per ili. Jam pro tia lingvoekzercado, eĉ se ne enus ega mondkultura trezoro, valorus legi, kaj multfoje relegi, la esperantan tekston de la *Ruĝdoma sonĝo*.

*LG80, Eugene de ZILAH*



**Trevor STEELE**
*FALANTAJ MUROJ*
IEM, Vieno, Aŭstrio, 1997, 160p.



... Trevor Steele priskribas siajn travivaĵojn en kelkaj orienteŭropaj landoj tuj post la falo de la Berlina muro. (...) [Li] estas aŭtoro, kiu ne nur alloge rakontas, sed detale observas la homojn, la tradiciojn, la vivon en la estintaj socialismaj landoj.

(...) Steele sentas amon kaj kompaton al la homoj, kiuj loĝas en tiuj ĉi landoj. En Sovetunio li trovas multajn esperantistojn kaj en sia libro li sukcesas bone montri la signifon de la esperantista solidareco.

Trevor Steele estas aŭtoro, kiu ne restas indiferenta al la mondaj problemoj. Li bone rimarkis, ke multaj estas la danĝeroj, kiuj nun minacas la estintajn socialismajn landojn. Unu el ili estas la malpurigado de la naturo. (...)

La konkludoj de Steele pri la estonteco de la orienteŭropaj landoj estas tre pesimismaj kaj malesperigaj.

*LJ174, Julian MAODEST*

**Eli URBANOVÁ**
*HETAJRO DANCAS*
Fonto, Chapecó, Brazilo
1995, 460p.



*Hetajro dancas* estas la unua vera aŭtobiografio en la Internacia Lingvo de, kroma avantaĝo, atentinda verda poetino. Mi volonte akcentas la sufikson, ĉar virinoj raras sur nia beletra kampo.

*Hetajro dancas* pritraktas, se paroli iom literaturscience pri la ĝenro, la evoluon de la propra personeco, kiun Eli klopodas kompreniĝi pere de analizo de sia psika kaj fizika plenkreskiĝo, siaj vivcirkonstancoj, kaj specifaj travivaĵoj. (...)

La priskribo de okazaĵoj kaj personoj el la esperanto-komunumo havigas ekstran dimension al la rakonto. (...)

Ŝiaj opinioj ne estas partiaj, emocie unuflankaj aŭ malĝentilaj. Ne, Eli formulas mallonge kaj tute ĝuste. La legantoj ricevas la impreson, ke tiaj la homoj estas. (...)

*LJ161, Ed BORSBOOM*

☆ ☆ ★ ★ ★

### ALIAJ PROPONOJ RICEVITAJ

**Georgo ABRAHAM**: *KLARA VORTARO ESPERANTA-ARABA*, 308p.

La rezulto estas grandparte laŭdinda, ĉar ĝi ampleksas ĉiujn vortojn konstante uzatajn de moderna esperantisto, sed ankaŭ multajn vortojn ne tiel oftajn, kun iliaj tradukoj en la araba.

*Esperanto feb99, Hugh MARTIN*

**Antonio Marco BOTELLA**: *LIRIKAJ PERLOJ DE AL-ANDALUS*, 328p.

Laŭdindas la eksterordinara klopodo de A.M. Botella malfermi por ni fenestron al tiuj altvaloraj trezoraĵoj lirikaj, preskaŭ nekonataj, kiuj siatempe certe pozitive kaj ĉeradike influis niajn eŭroplandajn kulturojn, ĉe la renesanca tagiĝo.

*Esperanto maj98, Nicolino ROSSI*

**Sylla CHAVES**: *ORIGINALA ESPERANTA BILDVORTARO*, 170p.

Ekvilibra pligrandigo de la uzenda vortprovizo estas unu el la ĉefaj celoj de ĉi tiu libro. (...) Tre malofte, en iu ajn lingvo, troviĝas tiom da helpo por la vort-serĉanto en unu sola malgranda kaj ne teknika vortaro.

*La eldoninto, Esperanto-Asocio de San-Paŭlo*

# SIEK-PREMIO

**Pastro Ulrich Hatto VON HATZFELD**: finredaktado de 2-vol. *ROMA MESLIBRO POR DIMANĈOJ KAJ FESTOJ: Meslibro*, 216p kaj *Legaĵaro*, 688p.

La protestanta pastoro Adolf Burkhardt, kiu prizorgas la germanan Esperanto-bibliotekon en Aalen, diris tute entuziasme: "Estas certe la plej bela esperanta libro de la lastaj jardekoj"... *Albrecht KRONENBERGER*

**Carlo MINNAJA**: *VOCABOLARIO ITALIANO-ESPERANTO* , 1438p.

La ĝis nun plej granda nacilingva-Esperanta vortaro, taŭga ankaŭ por studantoj de la itala. Kun tre detala distingo de signifoj, grandnombraj esprimoj kaj sintagmoj. *Esperanto, jul-aŭg96*

**Daniele MISTRETTA**: traduko de *LA SERĈADO DE LA PERFEKTA LINGVO* (de Eco), 320p.

... mi devas gratuli la tradukinton pro flua, eleganta elitaligo de tiu ĉi rimarkinda libro de Umberto Eco. *La Brita Esperantisto, sep-okt96, Paul GUBBINS*

**Sergej POKROVSKIJ** : *KOMPUTIKA LEKSIKONO*, 366 p.

Resume: la libro estas valora faka leksikono, samvalora aŭ eĉ pli valora ol similaj nacilingvaj verkoj. Ĝi estas dulingva terminaro, kiu revalorigas la esperantan fak-lingvon apud la angla. Kaj ĝi estas trezoro por lingvistoj nepre atentinda kaj atent-enda. Ni danku al la aŭtoro per aĉeto kaj uzo de la verko. *ESPERANTO aktuell 2-3/97, Michael BEHR*

**Harald SCHICKE**: *LA KORPO DE LA HOMO*, 148p.

... la talenta verkisto... ankaŭ deziras eduki la suferantan beoton laŭ sia 'natura metodo', profitante la okazon por averti lin kontraŭ la malsaĝaj okcidentaj medi-cinistoj.... *Esperanto jan98, d-ro Blaise BERTHONNEAU*

**Katalyn SMIDÉLIUSZ**: *MEMORLIBRO OMAĜE AL ANDREO CSEH*, 128p.

... la tuta fotoriĉa libro vekas karajn sentojn, ke oni bedaŭras, ke Andreo Ĉe mem ne plu povas ĝui ĝin. Dekoj da tekstoj, poemoj lin dankas, lin laŭdas, lian vivon rakontas. Kia Esperanto hodiaŭ estus sen li? *LG66, Claus J. GÜNKEL*

**Spomenka ŜTIMEC**: *GEOGRAFIO DE MIAJ MEMOROJ*, 210p.

... la impresojn de siaj multaj malproksimaj vojaĝoj ŝi enplektis en tiun ĉi libron.

*KROATA MILITA NOKTLIBRO*, 104p.

... ĝi estas instrulibro humanisma pri la jugoslavia realo, pri la sekvoj de la disiĝo de serboj kaj kroatoj kaj la inunda kresko de malamo inter ili.. *laŭdacio 23okt95, Hans M. MAITZEN*

**Mila Van der HORST-KOLIÑSKA**: *MAZI EN GONDOLANDO*, Esperanto-video-kurso.

Iam en 1990 Mila van der Horst-Koliñska, nome de IEI, komisiis al mi prepari vidbendan kurson de Esperanto... La korektadon kunordigis Mila, kiu konsultis diversajn lingvospertulojn.... *Esperanto jan96, Roman DOBRZYNSKI*

**Bruno VOGELMANN**: *LA NOVA REALISMO*, 188p.

Maloftas filozofiaj libroj en nia lingvo. Des pli necese estas prikonsideri tiujn, kiuj ekaperas... Vogelmann ĝentilas al filozofie ne tro kleraj legantoj (kaj tia ĝentileco estas granda valoro de ĉi tiu libro)... Ni devas atendi la venontan libron por havi res-pondon al multo da demandoj naskitaj dum la legado de ĉi tiu nepre legenda libro. *LG26, Eugene de ZILAH*

**Bertil WENNERGREN**: TTT-a *PLENA MANLIBRO DE ESPERANTA GRAMATIKO*

La *Manlibro* provas klarigi la lingvon en facila maniero. Ĝi tial uzas novstilajn gra-matikajn esprimojn, kiuj estas esperebble pli facilaj ol la tradiciaj vortoj. Eĉ tiaj kuti-maj vortoj kiel akuzativo, substantivo kaj prepozicio forestas. Anstataŭe la *Manlibro* parolas pri N-finaĵo, O-vorto kaj rolvorteto. *rekomendo de ESPERANTO aktuell 2/98*

# KLASIKA LIRIKO

Valentin MELNIKOV, Klara ILUTOVIĈ,
Solomon VYSOKOVSKIJ, Oĉjo DADAEV,
*Moskvaro*, originalaj poemoj
Impeto, Moskvo, 1998, ĉ 3,6 eŭroj

La supozon, ke la vorttitolo de nova poemaro, aperinta en 1998, intencas minaci per multobliĝo de la kolosa regurbo rusa, Moskvo, al giganta urbaro similaspekta, identa, unuavide povus pravigi la titolbildo, montranta ne mildan lirikan Pegazon, sed impete, se ne aplombe, eksturmantan kvadrigon. Tamen, duarigarde, tiu ĉi ĉevalkvaro kondukas la meditadon al ĝusta, pli konsola konkludo. Kaj evidentiĝas kovrilinterne, ke ne temas pri multaj Moskvoj – Moskvaro –, sed pri kvar moskvanoj kiuj kunligas sin per tiu ĉi titolo.

Ili ja formas moskvanaron, sed tre specifan: poetoj ili estas. Esperantaj poetoj. Do eble konvena titolo por ilia unua verskolekto povus esti, konsiderante la esperantan literaturan tradicion, *Moskvankvaropo*, eĉ pli pompa ol la originala; sed *post festum* konsiloj restas stultaj.

La poemaro konsistas el jenaj kvaropanaĵoj: *Liriko in-tima* (Valentin Melnikov; n. 1957), *Sincere via* (Klara Ilutoviĉ; n. 1946), *Vojo al Templo* (Solomon Vysokovskij; n. 1933) kaj *Rano, kiu flugas* (Oĉjo Dadaev; n. 1973). La moto, elektita de ĉiu el la kvar poetoj por la propra sekcio, jam bone indikas intencon, etoson, temaron de ĉiu unuopa aŭtoro. Ili, apartenante al la nuntempa "Moskva skolo", ja formas grupon, almenaŭ por tiu ĉi publikigaĵo, sed estas enhave sufiĉe diferencaj. Strukture ili sekvas komunan idealon, la klasikan: rimoj estas versofine konservendaj, tradiciaj ritmoj plejoftas (se ne aperas senatentaj stumbloj, eĉ intencaj...), formoj kiel soneto kaptas la leganton. Do, almenaŭ laŭ aktuala starpunkto, tiuĉikampe mankas modernismaj trajtoj – iom surprize, memorante ke la rusaj artistoj ĉirkaŭ la unua mondmilito apartenis al la monda avangardo. Ke amo, sonĝo, naturo, superado de la kruda normala vivo regas enhave la tekstojn, ne estas mirige. Kion alian verŝu poetoj en siajn versojn?



Pluraj el la poemoj jam ricevis premiojn en konkursoj, ofte unualokajn. Provoj forlasi jam tretitajn vojojn montriĝas ĉe Vysokovskij en *Duliniaj miniaturoj* kaj Melnikov en la *Unuversoj/Universoj* (signife de 'Unuversaj universoj'), laŭ la influo de la rusa poeto Vladimir VIŜNEVSKIJ.

Ĉiun sekcion enkondukas informoj pri vivo kaj verko de la aŭtoro, eĉ foto prezentas lin persone. Nikolao GUDSKOV, la kompilinto de la poemaro, aldonis antaŭvortojn kaj abundan postparolon pri "La Moskva skolo de originala Esperanto-poezio", bonvena enkonduko en la antaŭulojn, la samtempanojn, la laborcirkonstancojn, la artajn principojn de la moskva kvaropo. Per ĝi la libreto fariĝas ne nur montrofenestro pri la aktuala verkado, sed preskaŭ enciklopedio pri la moskva esperanta poezio.

La poemaro ampleksas 96 paĝojn, estas bone legebla, agrable kompostita, broŝurita. Ĝi meritus eldonon libroforman kun firmaj kovriloj. La lingvaĵo (ne ĉiam la enhavo...) estas klara, en komuna Esperanto kun kelkaj slavismoj; apenaŭ preseraroj. Ĝi vekas intereson pri aliaj verkistoj moskvaj, pri nova moskvanaro.

*Franz-Georg RÖSSLER*

el la hispana

# Intelekteco kaj spiriteco

Eseo de Miguel de UNAMUNO (1864-1936)



*There are more things in heaven and earth, Horatio*
*Than are dreamt of in your philosophy.*
(Vortoj diritaj de la spirita Hamlet al la intelekta Horacio, en la akto 1, sceno 5 de la *Hamlet* de Shakespeare.)

Li pasigis tagojn de spirita diseriĝo, de senfrukta rondiro de l' menso: nenio povis interesi lin: preninte libron, li ĝin malfermis, legis du aŭ tri el ĝiaj paĝoj kaj nepre ĝin fermis, ĉar el li la atento sin eltiris kaj disĵetis; penante skribi, li disŝiris tiom da paperfolioj, kiom li skribis. Tamen neniam li ĝuis pli bonan sanon, neniam li sentis sin tiel plena de riĉa kaj fluanta sango, neniam ritmis pli bone liaj pulmoj kaj lia koro. Samtempe, interne de si, li perceptis konfuze ion fortan kaj maturan kio penis burĝoni; li kredis sin antaŭ akuŝo de pensoj plenplenaj de vivo kaj helo. Sed ia solena trankvilo, kontraŭ kiu li vane luktis, lin tegis kiel perla eksteraĵo. Sendube estus mallerte, ne esperi kvieta la gracon de la Spirito, sed intenci el Li ĝin eltiri perforte.

Fine, iun vesperon, kiam la fajreroj de la malleviĝanta suno lumigis la larĝan balkonon de lia ĉelo, li enfermiĝis kun siaj multaj libroj, kun la familiaraj objektoj, sur kiuj ĉiutage moliĝis lia rigardo. Tio estis kvazaŭ enfermiĝi en si mem, eĉ pli bone, ĉar tiu kutima ĉirkaŭaĵo lin servis por komunikiĝi kun la mondo. Tiu kvadrata vitra inkujo, tiuj dikaj plumingoj, tiu paperujo, tiu fortika brakseĝo el ledo, kien li sidigis sian korpon, dum la menso ekgalopis: tiuj skatoloj, en kiuj li gardis siajn notojn, la sobraj seĝoj, la vicoj de libroj apogitaj kontraŭ la muroj blankaj pro nudeco: ĉio ĉi estis kvazaŭ plilongiĝo de lia spirito kaj, samtempe, brakoj al li sternitaj de la mondo por lin ĉirkaŭpremi. Ili apartenis al li kaj al la cetero: ili estis li mem kaj estis, samtempe, la alio. Ili ne trompis lin, ne: li jam tuŝis ilin mil- kaj unufoje, kaj al ĉiu tuŝo ĉeniĝis la antaŭaj tuŝoj, ĝis ili forĝis tiel animon el multaj rememoroj ĉirkaŭ tiuj humilaj kaj utilaj objektoj. Li havis librojn amantajn, dankemajn, memorhavajn, ĉar ĉiufoje kiam li hazarde ilin malfermis, ili malfermiĝis ĉe la samaj paĝoj, al li oferante ĉiam la saman paragrafon, la plej regalan, la plej intensan, la plej vivigantan, kiun ili havis. Kaj, dum la relegado, elfluis ree el la spaco de tiu ĉelo, el liaj internaĵoj, ĉiuj forflugantaj momentoj, en kiuj li ĝin legis, kaj lia animo vibris laŭlonge de la tempo, kun vibrado supreniranta al la estinto, ĝis perdiĝo tie, kie perdiĝas kun ĝi ankaŭ la konscio mem. Tra la ĉefa balkono oni vidis, post la ruĝaj tegmentoj, interspace verdantaj de likenoj, nur la okcidentajn nubojn, kiujn flamigis la malleviĝanta suno. Tie, pli proksime, ĉe la bordo de la najbara tegmento, en la defluilo burĝonis la humila 'kata vito', kies delikataj floretoj suĉis la necesajn sukojn el la tera surfundaĵo, kiun la pluvintaj akvoj skrapis el la trobakita argilo de la tegoloj. En la somero, la kolomboj de la najbara sonorilejo subiris ĝis la tegmento kaj kveris tie, kaj bekis ĉe ĝia bordo la fruktojn de la 'kata vito', dum la nigraj kornikoj traflugis la aeron. Alifoje estis la luliĝantaj katoj, kiuj fiere balanciĝante promenadis sur la tegmento. Kaj ankaŭ sur tiuj li ripozigis sian rigardon: ankaŭ la spontanea ĝardeneto de la defluilo kaj la kolomboj, la kornikoj kaj la katoj estis la liaj kaj samtempe apartenis al 'la alio'; ankaŭ ili estis vizitataj de liaj pensoj, dum li ilin ekkaptis per sia vido.

Li enfermiĝis tie, en sia ĉelo, kvazaŭ ostro en sia konko: malstreĉis sian menson, kaj sen ĝin sproni aŭ bridi, lasis ĝin agi laŭ emo. Ĝi vagis tempospace, ekflorigante pasemajn ideojn bal-



## Pri la aŭtoro

Miguel de Unamuno naskiĝis en mezburĝa familio eŭska de Bilbao, en 1864. Li ricevis religian edukadon, kiu lasos en li neforviŝeblan spuron. Li studis literaturon kaj filozofion en Madrido, kaj doktoriĝis pri la eŭska etno. Li poste instruis en Bilbao kaj samtempe kunlaboras kun la socialisma gazetaro.

En 1891, 27jara, li fariĝas profesoro pri la greka en universitato de Salamanko, kies rektoro li estas ekde 1901. En 1924 li estas forpelita de l' universitato pro siaj skribaĵoj kaj paroladoj kontraŭ PRIMO DE RIVERA (diktatoro de Hispanio, 1923-30) kaj kondamnita al ekzilo en iu Kanaria insulo.

Li sukcesas forfuĝi kaj restadas en Francio ĝis falo de la diktaturo. Tiam, li revenas Hispanion, Salamankon, kie li mem proklamas la Respublikon en 1931. Li ne longe aktivas politike kaj deputite, ĉar preferas denove estri la universitaton. Aldone li energie laboras kiel verkisto kaj ĵurnalisto.

Post la ribelo de FRANCO en 1936, li publike konigas sian vidpunkton en fama parolado en Salamanko, 12okt36. Pro tio oni kondamnas lin al restado ene de sia hejmo, kie li mortis tri monatojn poste, 31dec36.

La verkoj de Unamuno spegulas lian batalema karakteron, sed ankaŭ ampleksan kulturon, originalan spontanean pensmanieron, profundan amon al Hispanio, grandan fidon al la parolo, pasion por la vero, senĉesan strebadon por vivi pli konscie. Jen kelkaj el liaj verkoj:

*La esenco de Hispanujo*
(*El torno al casticismo*...).
*Paco en milito* (*Paz en la guerra*).
*Vivo de Don Kiĥoto kaj Sanĉo*
(*Vida de Don Quijote y Sancho*)
*Pri eŭropigo* (*Sobre la europeizacion*...).
*Pri tragika sentado de la vivo*, la plej grava
(*Del sentimiento trágico de la vida*...).
*Nebulo* (*Niebla*).
*La Kristo de Velâzquez*
(*El Cristo de Velâzquez*).
*Kiel fari romanon* (*Cómo se hace una novela*).
*Agonio de kristanismo*
(*La agonía del cristianismo*).
*Intima taglibro* (*Diario intimo*), eld. 1966.

**ndlr** : Kiam ni estis unuan fojon en muzeo de Sant Pau d' Ordal, ni legis tiun ĉi eseon en bindita kolekto de *Literatura Mondo* el 1933, mire kaj admire pro la altnivelo de la revuo (ĉu iu simila ekzistas hodiaŭ?) kaj la beleco de la traduko, en 1904 (!), de Domingo Diaz-Ambrona (ĉu li estas menciita en *Analoj de la Hispana Movado* de Marco Botella? Ni ne trovis).

daŭ velkantajn, dum ĝi flirtadis laŭ la librodorsoj, divenante glorajn nomojn kaj famegajn titolojn. Poste, iom post iom, ĝi kaŝiĝis, sin fermante en la korpon, kiun ĝi animis kaj kiu ĝin servis, kaj poste la brako de tiu korpo prenis paperon kaj liaj okuloj ĝin trakuris.

Tio estis la bruega manifesto, kiu tiom paroligis pri si: tio estis la famega skribaĵo, en kiu li, li mem, la sama kiu en tiu momento sidiĝis komforte sur sia bovofela brakseĝo, elverŝis sian spiriton. Li komencis ĝin legi, kaj, dum li daŭrigis ĝian legadon, stranga malkvieto lin kaptis pli kaj pli. Ne, tio ne estis lia, ne tion li volis skribi; tio ne estis, kion li pensis kaj kredis, kion li estis skribinta. Tamen dubo ne eblis; tio, kion nun li vidis tiel stranga, tio estis la sama, kion li skribis, eĉ tio estis la skribaĵo, kiu gajnigis al li pli grandan renomon. Denove li legis ĝin.

Ne, certe oni ne komunikas, kion oni deziras komuniki – li pensis – apenaŭ enkarniĝas la penso en vorto, kaj eliras, tiel tegita, en la mondon, ĝi jam estas de iu alia, aŭ, plibone, estas nenies, por esti ĉies. La karno, kiu vestas la lingvon, estas komuna kaj ekstera: ĝi kuntiras la penson, ĝin katenas kaj eĉ aliigas kaj ĝibigas. Ne, li ne volis skribi tion, neniam li estis pensanta tion.

Malofta kaj malkvietiga efekto lin igis legi al si mem, kvazaŭ al fremdulo, siajn skribaĵojn, kvazaŭ ili devenus de iu alia. Tiu ĉi duiĝo de sia persono memorigis al li alian scenon de pasema duiĝo de si mem, kiun li ne povis memori sen frostotremo. Tio okazis, kiam rigardante en spegulo sian propran rigardon, li atingis vidi sin kiel fremdulon; li observis sin kiel netuŝeblan fantomon, kaj tio tiagrade ekemociis lin, ke li mallaŭte vokis al si mem laŭ sia nomo. Kaj tiu voĉo, la propra, sonis al li kvazaŭ voĉo de alia, kvazaŭ voĉo kiu ŝprucis el la spaco, el la nevidebla, el nepenetrebla misterego. Poste li gorĝgrâkis, sin tuŝis, sentiĝis la batado de la koro, kiu rapidigis sian marŝon. Kaj neniam li forgesis tiun neforgeseblan scenon.

Nun ne estis same, eĉ ne tre simile, sed estis io, kio ĝin rememorigis Ĉu li mem skribis tion? Ĉu li estis la sama, kiu ĝin skribis? Ĉu ne kaŝis sin en li pli ol unu homo? Ĉu li ne portis en si

legion de animoj kuŝantaj unuj sub la aliaj? La animoj de ĉiuj siaj antaŭuloj, ĉu ili ne dormas inter la limoj de sia cerbujo? Ĉu la aliaj lin vidas kiel li vidiĝas al si mem, aŭ tre alie, kaj ĉu li estas farinta kaj dirinta ne tion, kion li kredis fari aŭ diri?

Tiu ĉi lasta ideo, ideo absurda kaj sensenca, daŭre lin obsedis delonge, kaj korpremis lin, ĉar li al si diris: Tio estas frenezo, nur frenezo.

Efektive, tro ofte okazis al li, dum li trankvile iris tra la stratoj, ke li pensis ĉi tion; ĉu ne estas eble, ke dum mi kredas iri trankvile kaj serioze, mi, reale, grimacas aŭ ridinte tordiĝas, aŭ plenumas hontajn agojn? Tiu malemo, kiun mi rimarkas kontraŭ mi senti de tiu aŭ tiu ĉi, ĉu ĝi ne estas kaŭzita de tio, ke mi diris al ili ion, kiun mi ne konscias esti dirinta, aŭ de tio, ke, kiam mi kredis iun manpremi, vere mi faris al li ian geston malĉastan aŭ malestiman?

Kiam mi imagas ion diri; ĉu la aliaj ne aŭdas ion alian, tre malsaman kaj eble malan? La obsedo pri tiu ĉi absurdo lin malkvietigis, lin malbonhumorigis, lin igis dubi pri la sano kaj firmeco de sia propra prudento, kaj lin devigis uzi sian tutan kapablon de memsugestio por ĝin forigi el si.



Rotella
*el Planète 31*, 1966

Per forta peno li forskuis el si la obstinan absurdon, sed li revenis al la fremdeco de sia propra skribaĵo.

Antaŭlonge li estis deterministo konvinkita, ne tolerante eĉ paroli pri libera volo; tiel neracia ŝajnis al li tiu supozo.

Sed poste, pli studinte la aferon, fendiĝis lia unupeca fido determinista; kaj nun, kiam mi trovas lin komforte sidanta en la brakseĝego de sia ĉelo, antaŭ sia manifesto, li jam ĵetis la demandon pri determinismo aŭ libera volo en la kelon de la metafiziko, kien malofte li subiras. Li jam ne kredas, ke la scienco atingis ĝis la klarigo de tiu ĉi problemo, sed, male, ke ĝi ĉiam envolviĝas en principa postulo. Tamen, kion li certe sentas, pli sentas ol pensas, tio estas ke oni estu kiel eble plej libera en si mem en la momento, kiam oni devas sin eksterigi, sin manifesti, paroli aŭ agi; por komunikiĝi kun la proksimuloj, oni apenaŭ devas uzi sian korpon aŭ aliajn korpojn, nepre oni iĝas ligita al iliaj rigidaj leĝoj, oni fariĝas sklavo. Miaj agoj, li pensas, neniam estas ekskluzive miaj; se mi parolas, nepre necesos ia aero, kiu ne estas la mia, por ke mia voĉo sonu; eĉ miaj voĉkordoj rigore ne estas la miaj, nek estas mia la lingvo, per kiu mi devas min helpi, se mi deziras esti komprenata, kaj same okazas, se mi skribas aŭ se mi batas, se mi kisas, se mi duelas. Kaj li aldonis: Ĉu mi mem estas la mia? Kaj zume revenas al li la turmentanta obsedo.

Ekzistas io, kion ni almetis al ni kaj faris tute la nia; ekzistas multo, kio estas tute fremda al ni; kaj, inter la du ekstremaj limoj ekzistas ĉio, kio parte estas la nia kaj parte ne. Nia vivo estas daŭra batalo inter nia spirito, kiu deziras mastri la mondon, ĝin igi la sia, igi si mem, kaj la mondo kiu penas al si propriigi nian spiriton kaj, siavice, igi ĝin la sia. Mi – pensas nia homo – volas igi mia la mondon, ĝin igi mi, kaj la mondo intencas min estigi sia, min igi si; mi penas ĝin personigi kaj ĝi penas min malpersonigi. Kaj en tiu ĉi tragika lukto, ĉar tiu ĉi

batalo estas vere tragedia, mi nepre bezonas mian malamikon por lin mastri, kaj mia malamiko bezonas min por min potenci. Per ĉio, kion mi diras, skribas aŭ faras, mi devas 'ĝin' diri, skribi, aŭ fari, kaj, pro tio, li tuj ĝin malpersonigas kaj igas la sia, kaj mi ŝajnas alia, kiu ne estas mi.

Mizera neceso skribi. Kompatiga premo esti devigata paroli. Inter du, kiuj parolas, peras la lingvo, peras la mondo, peras tio, kio estas nek la unu, nek la alia el la du interparolantoj, kaj tiu ĉi uzurpulo ilin kovras kaj samtempe kunigas kaj disigas. Se estus eble krei la lingvon samgrade kiel oni eldiras la elpensaĵon!

Sendube la parolo estas pli perfekta ol la skribo, ĉar ĝi estas malpli materia, ĉar la aeraj vibroj disiĝas kaj perdiĝas, dum la inkaj strekoj restas; sendube la *flatus vocis* kiel ĉio, kio estas efemera, kunprenas pli riĉan akompanon, orkestr-aranĝon pli kompletan, kaj la skribo kiel ĉio, kio kristaliĝas, restas nuda. Sed tamen. Se oni povus transdoni la puran penson, sen vortoj pliaj ol tiuj malkonkretegaj kaj sendifinaj, sur kiuj ĝi sin apogas interne de la animo! La interkompreniĝado, per parolo aŭ per skribo, estas interkomunikiĝo akcidenta, sed ne substanca.

Rigardas nia homo al okcidento, kie la nuboj balaataj de la vento, nevidebla balaanto, similas aron da ŝaflaneroj, kaj li observas, kiamaniere ilin ekflamigas la subiranta suno. Tiu vidaĵo lin enpensigas pri la substanca komunio de ĉiuj spiritoj, pri la interkompreniĝo per nura spirita ĉeesto. Iufoje, kiam li aŭdis certan kanton popolan, ĝustatone kantatan de knabpaŝtisto, kies voĉo estis aŭdebla tra la foliaro de la brungrizaj kverkoj, li ektremis kaj sentis kvazaŭ li aŭdus voĉojn de alia mondo; ne de alia mondo kiu etendiĝas trans la nia, sed de tiu mondo, kiu tremadas interne de la nia; estis kvazaŭ tiuj voĉoj fluus el la internoj de ĉiu estaĵo kiel la kanto de la animoj de la kverkoj, de la nuboj, de la tero kaj de la ĉielo. Kie li tion jam estis aŭdinta? Kiu povas tion scii? Eble en iu nokto, dum lia dormo, la knabpaŝtisto sonigis apud li sian kanton, kaj la kanto trapasis la sonĝon de lia dormo penetrante ĝis liaj vivofontoj. Alifoje, dum vojaĝado, li troviĝis kun fremdulino, kiu ne konis lian idiomon, nek li konis la ŝian, nek unu el la du konis iun ajn homan lingvon, per kiu ili povis interkompreniĝi: ili sidis daŭre unu fronte al la alia, reciproke sin rigardante kaj foje ridetante. Certe tio estis muta konversacio. Kiam li pensis ion afablan kaj mildan pri sia kunulino, ŝi ridetis, kaj kiam malpura deziro trapasis lian bruston, ŝiaj brovoj sulkiĝis. Eble nekonscie aŭdigis unu al la alia la batadon de la koroj, kiuj moviĝis unusone je la momento, kiam ili rigardis al si en la okulojn, sendube la spiroj de iliaj animoj intermiksiĝis.

Spiras la animo? Kial ne pensi per metaforoj?

Nia viro komencis pensi pri la spirado: kiel la aero, enirinte en la pulmajn ĉeletojn, aerumas la sangon, tiun ĉi internan medion de nia korpo. Estas la materia substanco de la mondo, kiu cirkulas en nia interno - li pensis; estas la mondo diluita kaj al ni propigita. Kaj elirinte de tie ĉi li imagis ian specon de spirita aerumado por nia menso, kaj por la mondo de koloroj, formoj, sonoj de ĉiuj impresoj, en ĝi diluitaj.

Sed tio ĉi estas metaforoj, nur metaforoj - li al si diris, kaj tuj aldonis - Metaforoj? kio ne estas metaforo? La scienco konstruiĝas per lingvo, kaj ĉiu lingvo estas esence metafora. Materio, forto, spirito, lumo, memoro... ĉio estas metaforo. Kiam tiuj, kiuj sin kredas pozitivistoj, penas forbalai el la scienco la metaforojn, ili balaas per metafora balailo, kaj ĝin replenigas per novaj metaforoj.

De ĉi tie lia menso pasis por flirti ĉirkaŭ temo, kiu estis al li speciale kara, nome, ĉirkaŭ la temo pri la supereco de tio, kion ni nomas imago super ĉiu alia el la nomitaj 'povoj de la spirito', kaj pri la pli granda eminenteco de la poetoj kompare al la sciencistoj kaj la agvivemuloj.

Milfoje li bedaŭris la barbaran malkontentemon de la plimulto de l' spiritoj, kun kiuj li devis interkomuniki, kvankam ne substance sed nur akcidente, tiun ombran malkomprenemon al ĉiu opinio, kiu ne estis la ilia: tiun ridindan kredon pri la ekzisto de doktrinoj, kiuj, ĉar la plimulto ilin opinias absurdaj, povas esti defendataj nur de spiritoj konfuzitaj aŭ frenezaj. Tio ĉi - li kutimis al si diri - estas nur manko de

imagpovo; la nekapableco prezenti al si la estaĵojn almenaŭ por momento same kiel la proksimulo ilin al si prezentas, estas nur sekeco de cerbo. Kiom malproksime ili estas de tiu ampleksega spirito de la granda Goethe, kiu sentis sin samtempe diisto, panteisto kaj ateisto kaj kies menso enhavis plej profundan komprenon de la kristanismo. Sed Goethe estis poeto, la poeto, vera kaj radika poeto, kaj ne mizera cerbumanto, didaktika aŭ dogmista, ne el tiuj, kiuj kredas marŝi des pli certe, ju pli grandan balaston de formala logiko ili igas rajdi sur la inteligento kaj ju pli ili rampas sur la malalta tero de la penso, gluiĝintaj al la fundo de la tradicio aŭ de la sentoj.

Denove rigardis nia homo sian manifeston, kaj diris al si: Ke oni min nomis intelektisto! Min! Min, kiu malamegas kiel eble pleje la intelektismon. Ĉu mi intelektisto? Eble imagisto. Sed intelektisto? Kaj li rememoris Paŭlon de Tarso kaj liajn plenplenajn epistolojn.



*Sankta Paŭlo*
abatejo de Moissac
Francio, ĉ. 1100

Li memoris Sanktan Paŭlon kaj tiun lian klasifikon de la homoj en karnajn, intelektajn kaj spiritajn, ĉar tiel al li plaĉis ĝin traduki, aŭ, por pli bone diri, tiel li ĝin interpretis. Ĉar li trapasis epokon, kiam la ekzegezon li ŝatis. Ne ian sciencan ekzegezon: ne la esploradon kaj reserĉadon de tio, kion deziris diri, kiuj skribis la sanktajn librojn. Ne la penson por logike ilin interkonformigi, nek ties esploron per studo de la ideoj kaj de la sentoj de l' epoko, en kiu ili vivis, kiuj estis iliaj veraj sentoj kaj pensoj; sed la uzadon de tiuj ĉi tekstoj, pruvitaj per centjara sperto, kaj en kiuj kristaliĝis tiel granda amaso de tradicio, kiel tereno, sur kiu eblas apogi piedon por sin ĵeti de ili al liberaj spekulativoj. Je la momento kiam Paŭlo de Tarso donis al la mondo siajn epistolojn, ili estis jam ne la liaj, sed apartenis al ĉiuj, al la komuna havo, al la homara propraĵo, kaj li, nia homo, povis ilin kompreni kaj senti tre malsame ol ilin komprenis kaj sentis mem la apostolo de la idolanoj.

Kion al li mem faris liaj legantoj kaj komentariistoj, tion ja ankaŭ li rajtis fari al la apostolo, kvankam certe li ĝin faris konscie kaj konscience. La tekstoj estis nur apogilo necesa por ke lia menso alteriĝu, piedprenu terenon: sentigu al li deirsugeston.

Kaj ĝuste ĉe Paŭlo de Tarso, en lia epistolo al la romanoj kaj en la unua al la korintanoj, li trovis tiajn tri klasojn de homoj: la karnaj aŭ *sarĥinoi*, la animalaj aŭ *psyĥiĥoi* kaj la spiritaj aŭ *pneŭmatiĥoi*. En la verseto 14 de la ĉapitro 7 al la romanoj li multfoje legis "ni scias ke la leĝo estas spirita (pneŭmatika) sed mi estas karna (sarcina)" kaj en la 44a de la 15a el la unua epistolo al la korintanoj "se ekzistas laŭanima (psika) korpo, ekzistas ankaŭ laŭspirita (pneŭmatika) korpo" kaj li ne ignoris ke, por la apostolo, la psiko (psyĥe) estis io malsupera, preskaŭ simila al tio, kio poste devus esti nomita 'vivforto', male, la supera parto de la animo, la spirito, la 'hegemonianto' de la stoikuloj, io, kio postvivas la korpon. Sed al li plaĉis alia klasigo, kaj li ĉiam vidis la psikon kiel intelektan povon ligitan al la necesoj de la estanta surtera vivo, la sklavon de la logiko, edukitan kaj lertigitan por la vivluktoj, la kutiman vulgaran, ordinaran konon, necesan por vivpovi, konon, de kiu

devenas la scienco. Kaj neniam li povis juĝi psikaj aliajn homojn ol la intelektulojn, la homojn de komuna saĝo kaj logiko, kiuj katenas siajn ideojn per la asocioj sugestitaj al ili de la ekstera kaj videbla mondo; la prudentajn homojn, kiuj lernas siajn metiojn kaj ilin plenumas, kiuj, se ili estas medicinistoj, penas kuraci; se inĝenieroj, vejni ĉefvojojn; se ĥemiistoj, prepari drogojn aŭ analizi ĥemiaĵojn; se arĥitektoj, konstrui domojn. Tiuj ĉi psikaj homoj estas la mezgravuloj, tiuj kiuj ŝipiras en la centra fluo; tiuj, pri kiuj oni diras, ke ili posedas rektan juĝon kaj klaran kriterion; tiuj, kiuj ne kredas artifikaĵojn ne sankciitajn de tradicio kaj kutimo, kiuj ne glutas novajn sensencaĵojn, ĉar ili havas la menson plenigita de la malnovaj sensencaĵoj, kiuj ĝin satigas. Li ĉiam distingis ĉi tiujn kaj la karnajn aŭ 'sarcinajn'. Karnaj estis, laŭ lia sento, la brutuloj, la kompletaj senkulturuloj, tiuj, kiuj sin okupas preskaŭ nur per manĝo, trinko kaj dormo, kiuj staras tute en besta vivformo. Ne tiel estas la psika; la psika eĉ interesiĝas pri sciencaĵoj kaj kulturaĵoj; la hispana psikulo alvokas la regeneracion de la patrujo, admiras telefonon kaj fonografon kaj kinematografon; de li estas legataj Flammarion, Haeckel, Ribot; li posedas volumojn de la biblioteko Alcan, kaj, kiam lokomotivo lin preterpasas, li stariĝas, ekstaze rigardante ĝian majestan iradon. Se la psikulo estas ortodoksa katoliko, li admiras la genion de Sankta Tomaso, kvankam nenion el liaj verkoj li legis, kaj li scias kiamaniere konformiĝas la moderna geologio kaj la malnova mosea rakonto pri la kreo, tial estas permesite parte rekoni la darvinismon, ĉar la Eklezio havas rimedojn kontraŭ ĉiuj malbonaĵoj, kiuj plendigas nian jarcenton. La psikulo estas intelektulo, kun eta aŭ granda intelekto, sed ĉiam intelektulo.

Kaj laste venas la 'spiritaj', la revemuloj, kiujn tiuj nomas, male time, mistikuloj; kiuj ne toleras la tiranecon de la scienco, nek de la logiko mem, kiuj kredas, ke ekzistas alia mondo, interne de la nia, kaj misteraj dormantaj potencoj en la sino de nia spirito, kiuj pripensas per la koro, kaj eĉ multaj, kiuj ne pripensas. Spiritaj kaj ne intelektaj estis la plimulto de la grandaj poetoj. Pri unu el ili, la mildega Wordsworth, oni diris, ke li estis geniulo sen talento, nome granda spirito sen sufiĉa inteligento. Kiom da fojoj li legis la finon de la 2a ĉapitro kaj la komencon de la 3a de la unua epistolo al la korintanoj:

"Ĉar kiu inter homoj konas la aferojn de iu homo, krom la spirito de la homo, kiu estas en li? sammaniere la aferojn de Dio neniu konas krom la Spirito de Dio. Sed ni ricevis, ne la spiriton de la mondo, sed la spiriton, kiu estas el Dio; por ke ni konu la objektojn al ni donacitajn de Dio. Pri kiuj ankaŭ ni parolas, ne per paroloj, kiujn homa saĝeco instruas, sed kiujn instruas la Spirito; komparante spiritajn kun spiritaj. Sed la natura (animala, psika) – aŭ, kiel nia homo tradukis, intelekta – homo ne akceptas la aferojn de la Spirito de Dio; ĉar ili estas malsaĝeco ĉe li; kaj li ne povas koni ilin, pro tio, ke ili estas juĝataj spirite. Sed la spirita homo juĝas ĉion, kaj li mem estas juĝata de neniu. Ĉar kiu ekkonis la menson de la Sinjoro, por ke li instruu Lin? Sed ni havas la menson de Kristo. Kaj mi, fratoj, ne povis paroli al vi kiel al spirituloj, sed kiel al karnuloj, kiel al infanetoj en Kristo. Mi nutris vin per lakto, ne per manĝaĵoj; ĉar vi ankoraŭ tion ne kapablis; kaj eĉ nun vi ne kapablas; ĉar vi estas ankoraŭ karnaj..."

Denove li prenis la epistolojn de Paŭlo de Tarso, kaj relegis la tiom multfoje legitajn versetojn "Neniu scios la aferojn de Dio krom la Spirito de Dio", kaj diris al si: Neutile estas voli koni la aferojn de Dio per didaktaj rezonadoj, per teologio, per logiko; teologio enhavas ĉiam internan malecon, ĉar en ĝi batalas la 'teo' laj la 'logio'; rezonadoj ne taŭgas por atingi Dion. Kaj li rememoris Kant-on kaj lian frakason al la hipotezaj pruvoj logikaj pri la ekzistado de Dio, kaj, kiamaniere falis en lia spirito ĉiu trabaĵo de metalogika kredo, spirita kaj ne intelekta, pneŭmatika kaj ne psika. La ontologia pruvo, la kosmologia, la metafizika, la etika, ĉiuj ruiniĝis samtempe en lia menso, kaj kun ili tiu Dio de la racio. La teologia raciismo bruege, kvankam

sen ke la bruo aŭdiĝis ekstere, disfalis en lia spirito, ekstermante multajn burĝonojn de la animo dum sia pereo kaj priŝutante la plankon per senutilaj ruinaĵoj. Koraj skuoj, tertremoj de la spirito elirigis la detruaĵojn el li, kaj alimaniere, per maniero nekonata de la intelektuloj, aperigis en li fidon, kiu venis de la Dia Spirito. "Ĉar neniu konas la aferojn de Dio krom la Spirito de Dio."

"Pri kiuj ankaŭ ni parolas, ne per paroloj, kiujn homa saĝeco instruas, sed kiujn instruas la Spirito: komparante spiritajn kun spiritaj." Mistikulo. Ŝajnis al li ke li aŭdis tiun ĉi vorton malestime kraĉitan, kvazaŭ insulton aŭ riproĉon, kaj tiel proksime kaj klare, ke li eĉ flankenturnis la kapon. Kaj ja estis tie, apud li, kvankam ne videble, nek palpeble, sed en spirita ĉeesto, tie estis tiu prototipo de la intelektulo: tie estis la 'psika', la pli karakteriza tipo de l' animalo. Tie li estis papagante siajn fiziologiojn, dum en sia interno li turniĝis kontraŭ sia poezia kaj kreanta senpoveco, kontraŭ sia nekonfesita senspiriteco. Li ŝultrolevis, ridetis kaj sin turnis por rigardi la ĉielon, kiu mallumiĝis. La nuboj de la sunsubiro ŝajnis cindramasoj restintaj de la suna brulego. Li movis la ĵakon de la elektrolampoj, kaj la metalfadeno de la ampoloj ekardis: fariĝis lumo, lumo de homa industrio, lumo de aplikscienco.

"Sed la natura homo ne akceptas la aferojn de la Spirito de Dio; ĉar ili estas por li malsaĝeco: kaj li ne povas koni ilin, pro tio, ke ili estas juĝataj spirite." Malsaĝeco, malsaĝeco, malsaĝeco... li al si rediris, dum li promenigis la rigardon sur tiuj familiaraj objektoj, al kiuj la elektrolumo aperigis akrajn ombrojn. Malsaĝeco, sed kio estas malsaĝeco? Tie estas la menskuracistoj, frenezulistoj, psikiatroj, kaj kiu scias kiom da alnomoj plu... Kio estas saĝeco? Eble per ĉi tiu demando oni devas komenci.

Sano estas tiu stato, en kiu la homo sin vidas libera de ĉiu malbonfarto; sed, kio estas malsano? Sano estas, aliaj diras, "la stato en kiu organa estaĵo normale plenumas ĉiujn siajn funkciojn". Normale... normale.., kaj kio estas la normalo? Li prenis libron, kiun li estis leginta dum tiuj tagoj; libron, en kiu amason da sciindaĵoj, pri la plej misteraj profundaĵoj de la vivo de l' spirito, arigis certa nobela spirito, kiu estis la vera animo de la *Society for Psychical Research.* Li legis.

"En la vulgara lingvo oni uzas la vorton 'normala' por esprimi, preskaŭ indiferente, du ideojn tre malsamajn; konformecon al iu modelo kaj mezan pozicion inter du ekstremoj. Ofte la mezo kaj la modelo koincidas, ekzemple: kiam oni diras, ke gaso estas normaldensa –nome, ke ĝi egalas praktike la modelon – kiel orunco havas normalan pezon. Sed kiam ni pritraktas vivantajn organismojn, aperas nova faktoro. Vivo estas ŝanĝo; ĉiu vivanta organismo ŝanĝiĝas; ĉiu generacio diferenciĝas de la antaŭa. Asigni fiksan normon al speco, kiu ŝanĝiĝas, estas kvazaŭ pafi kontraŭ flugantan birdon. La



Greco, memportreto (probable)
1602-1605
Toledo, Hispanio: katedralo

reala mezo dum determinita momento ne estas ideala modelo; male la plej progresinta stato de la evolucio, kiun oni atingis, penas esti la mezo de la estonta tempo."

Li fermis la libron kaj denove al si diris: Normaleco... frenezo... saĝeco... malsano... bonfarto... bonfarto... Hodiaŭa frenezo estas morgaŭa saĝeco; same, kiel morgaŭ ŝajnos freneza, kiu hodiaŭ estas saĝa. La intelektuloj nomas frenezo, kion ili ne povas kompreni, ĉar estas necese ĝin juĝi laŭ la spirito. Kaj la intelektulo estas, esence, normala homo, meza homo, kiu staras samdistance de la karnaj, kiel de la spiritaj. La intelektulo estas la mezhomo, je egala distanco de la grandega amaso de karneco kaj de la malsufiĉega peco de konscia spiriteco, ĉar la alia spiriteco, la senkonscia kaj potenciala spiriteco, dormetas en ili ambaŭ, eĉ eble pli efikas en la karnaj ol en la intelektaj. Ĉar akcepti la spiriton estas pli facile al la karno, ol al la intelekto: inter ambaŭ intermetiĝas la skollogiko. La intelektulo estas homo de la meza saĝo, kiun li nomas komuna saĝo; homo, kiu staras samdistance de la universala kosma aŭ instinkta saĝo, en kiu loĝas la karnuloj, kiel de la propreca saĝo, en kiu vivigas sian spiriton la spirituloj.

"Sed la spirita homo juĝas ĉion, kaj li mem estas juĝata de neniu." Kiarajte aljuĝas spiritaĵojn tiuj, kies spiritoj estas tegitaj per la intelekto?

"Ĉar, kiu ekkonis la menson de la Eternulo, por ke li instruu Lin? Sed ni havas la menson de Kristo." Kiam li trafis ĉi tiun verseton pri Kristo, nia viro haltigis sian menson. Antaŭ li prezentiĝis tio, kion oni nomas 'la religia problemo', kaj ĝi al li prezentiĝis tia, kia li ĝin vidis de antaŭlonge. En ĉi tiu problemo, en la religia problemo, li vidis la ĉefan provŝtonon por distingi intelektulojn de spirituloj.

Antaŭ li aperis la intelektaj homoj, dividitaj pri la religia afero en du grandajn grupojn; kiujn oni kutimas nomi grupo de kreduloj kaj grupo de senkreduloj. Konkretigante la terminojn kaj rilate sian propran patrujon, li troviĝis antaŭ katolikaj intelektuloj kaj intelektuloj nekatolikaj, kiuj fakte fariĝis kontraŭkatolikaj. Ĉi tiuj du grupoj luktis unu kontraŭ la alia, sed, kiel por lukti estas necese piedpreni sur sama tereno, ili luktis en sama ebeno. Batalo inter fiŝo, kiu ne eliras el la marprofundo, kaj birdo, kiu ne subiras de la ĉielaltaĵo, ne estas ebla. Tiuj ĉi du grupoj luktas, unu fronte al la alia, alrigardante kontraŭajn flankojn, sed sin apogante sur la sama tereno, sur la sama ebeno de l' intelekto. Kaj ve al tiu, kiu direktas al ili sian voĉon de supre aŭ de malsupre, de ekster ilia ebeno, de la tereno de la spiriteco aŭ de la tereno de la karneco! Kuniĝos unuj kaj aliaj por lin nomi frenezulo aŭ brutulo.

Luktis ĉi tiuj du grupoj. Laŭ unuj la religio estas nepre necesa por bazi la moralon. Sen timo al la infero, al la morto kaj al la diablo sociordo ne povas ekzisti. Religio havas eksterajn pruvojn pri mirakloj, kaj, antaŭ ĉio, kaj super ĉio, multcentjaran tradicion apogitan sur aŭtoritato. Laŭ la aliaj, mankas pruvoj pri la vereco de la religio: sen infero, sen timo al morto, sen demono, oni povas fundamenti sociordon, kaj tiu tradicio nek estas konstanta, nek posedas konvinkan logikan valoron. Unuj kaj aliaj pritraktas la aferon de la sama vidpunkto. La unuaj rigardas la religion kvazaŭ sociala instituto en la servo de la ordo, kaj la duaj kvazaŭ sociala instituto en la servo de la despotismo. Unuj serĉas eksterajn logikpruvojn, kaj la aliaj repuŝas tiujn ĉi pruvojn. Advokatoj kaj nur advokatoj, tiuj ĉi kaj tiuj! Laŭ unuj kaj aliaj temas pri sociala institucio; pri io, kio sin apogas sur aŭtoritatoj kaj sur eksteraj evidentecoj aŭ neevidentecoj, pri io logika aŭ nelogika. Tion ili nomas lukto inter racio kaj fido, kvankam tia fido estas nur kredo. Sed li, nia viro, ne povis tiel senti, kaj apenaŭ interesiĝis pri la argumentoj de ambaŭ grupoj. Disputoj de intelektuloj.

Kaj rilate tiujn, kiujn oni nomas 'spiritemaj homoj' – tia estas la tradicia kaj pura termino – la intelektuloj de la kredo...

Oni vokis nian homon por noktmanĝi, kaj li iris por zorgi la korpon donante al ĝi unue nutron kaj poste dormon.

*Miguel de UNAMUNO*
*elhispanigis Domingo DIAZ-AMBRONA*
(1904)
el *Literatura Mondo* (1933)

